XVIa jaro. No 242 (10) ☆ Monata ☆ Oktobro 1920

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**JARA ABONO**

| | |
|---|---|
| **Simpla abono** . . . . . . . . . . . . | **10.— Frankoj** |
| **Kun la membreco de UEA** . . . . . . | **12.50 Frankoj** |
| **Unu numero** . . . . . . . . . . . . . . | **1.— Franko** |

*Svisa poŝtĉeko III. 2600. — La abonoj komenciĝas en januaro*

**REKLAMO**

| | |
|---|---|
| **Anonco** (unu-centimetra kolonero) . . . . . | **2.— Frankoj** |
| **Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . . | **0.50 Franko** |
| **Korespondado** (1 enskribo) . . . . . . . . | **0.75 Franko** |

*Rabatoj: 3 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %*

FONDINTO: HECTOR HODLER — REDAKTORO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRADO: 12, BOULEVARD DU THÉATRE, GENÈVE



## Nova venko de Esperanto

Ĵus okazis en Bruselo la Universala Kongreso de l' Tutmonda Unuiĝo de internaciaj Asocioj kaj la solena fondiĝo de Internacia Universitato. Dum du semajnoj ĉeestis en Bruselo reprezentantoj de ĉiuspecaj grandaj mondsocietoj kaj eminentaj scienculoj delegitaj de ĉiulandaj universitatoj.

Dank' al klopodoj de Generalo Sébert estis fondita katedro pri Esperanto en tiu nova institucio kaj S-ino Cense kaj S-ro Delvaux faris du propagandajn paroladojn por komenci la kursojn. Ankaŭ nia lingvo estis uzata krom la franca, la angla kaj la hispana ĉe diversaj sciencaj prelegoj. Esperante paroladis D-ro Wanverts, el Lille, pri medicina temo kaj D-ro Corret, el Parizo, pri radiotelegrafio antaŭ tre multnombra ĉeestantaro.

Multaj neesperantistoj konstatis, ke ili eĉ pli facile komprenis nian lingvon ol la francan aŭ anglan, malbone elparolatan de alilandaj scienculoj. Tiu ĉi fakto sendube influis la kongreson, ĉar ĝi fine alprenis unuanime — escepte unu voĉo por la franca lingvo — la jenan tre gravan decidon:

*„Konstatante la pli kaj pli grandan necesecon je alpreno de internacia helplingvo, la tutmonda kongreso de l' internaciaj Asocioj esprimas la deziron, ke ĉiuj, kiuj konfesas tiun necesecon, aliĝu al la grava movado celanta disvastigi Esperanton por realigi tiun grandan progreson, prokrastante ĉian plibonigon, kiu montriĝus necesa, ĝis la tempo kiam la internacia lingvo estos oficiale akceptita de la registaroj."*

Tiamaniere per solena kaj saĝa decido la kongreso fermis la buŝon al tiuj malpraktikaj homoj, kiuj deziris starigi ian novan akademion aŭ komitaton por teorie diskuti pri diversaj sistemoj aŭ „plibonigoj". La decida teksto estas entute konforma al la penso de Zamenhof, kiu konstante sin esprimis tute same.

Ni kore gratulas Generalon Sébert kaj liajn kunlaborantojn en Bruselo pri ilia granda sukceso. La tutmonda kongreso organizita de S-ro Paul Otlet havas tre gravan signifon. Ĝia aŭtoritata juĝo pri nia afero povos influi multajn homojn kaj eĉ registarojn.

Ni zorgu, ke ĝi estu laŭmerite diskonigata tra la tuta mondo kaj uzata por petskriboj. La teksto entenas ankaŭ tute klaran alvokon al idistoj kaj ĉiuspecaj saussuristoj, ke ili forlasu sian malutilan propagandon kaj alportu siajn fortojn al la sola movado, kiu povas konduki al venko.

Esperanto fariĝis ja vivanta kaj ĉie jam disvastigita per uzado. Al neniu estas malpermesata science studi la lingvon aŭ diskuti pri ĝi same kiel pri ĉiu ajn vivanta lingvo, sed scienco postulas respekton al la faktoj. Tial la Brusela Kongreso prave konsideris, ke ekzistas ja nur unu maniero sukcese labori por internacia helplingvo, tio estas forlasi ĉiujn teoriajn proponojn kaj simple plivastigi tiun lingvon, kiu jam okupas la lokon *de facto*. La vivo mem tion postulas.

Ankaŭ la vivo mem alportos la laŭspertan progresadon.

*Edmond Privat.*

**Atentu nian novan adreson!**

NUNTEMPAĴOJ

# Historia skizo de la ŝtatbankrotoj

II

Simila kontrolorganizo estis starigata de la kreditoroj post la ŝtatbankroto de Grekio en 1893, kiam la grava malvenko de la Grekoj en la milito kontraŭ la Turkoj 1897 permesis peradon de la grandaj Potencoj sen eksterordinaraj perfortrimedoj. En la preparaj pactraktadoj de l' 18 septembro 1897 estis i. a. altrudata al la Grekoj militkompensaĵo de 4 milionoj da Turkaj funtoj. La aranĝoj por faciligi la senprokrastan pagon de tiu ĉi kompensaĵo estis farataj tiel, ke la rajtoj de la malnovaj kreditoroj kaj de la posedantoj de la Grekaj ŝtatobligacioj ne estu difektitaj. La Greka registaro estis devigata, fari leĝon, per kiu la kolekto kaj foruzo de sufiĉaj enspezoj por la repago de la militkompensa prunto kaj de la aliaj ŝuldoj de l' ŝtato, estu submetitaj al senkondiĉa kontrolo de internacia komitato.

Jam en marto 1898 la parlamento akceptis tiun ĉi leĝon, kiu starigis ses komitatanojn por la kontrolo de la garantiaĵigitaj ŝtatenspezoj. Germanio, Francio, Britio, Italio kaj Rusio enoficigis tiujn komisariojn.

La kolekto de la garantiaĵigitaj enspezoj kaj impostoj, kaj la administrado de la jam ekzistantaj ŝtatmonopoloj estis efektiviĝontaj per Greka societo, en kies kunsidoj devis partopreni unu membro de la kontrolkomisiono kun la rajto protesti kontraŭ nedezirindaj decidoj. Ĉiuj enspezoj de la societo estis liverotaj unufoje semajne al la kaso de la kontrolkomisiono. Tiuj ĉi monsumoj devenis de la ŝtatmonopoloj el salo, alumetoj, petrolo, ludkartoj, cigarpapero kaj naksosŝmiro, de la impostoj je tabako kaj stampo, fine de la limdepagoj de l' Pireo. Sed pri la aliaj ŝtatenspezoj la registaro povis disponi libere. La starigo de nova valutaprunto antaŭ ekstermo de la ekzistanta ŝuldo bezonis la nepran aprobon de la kontrolkomisiono.

La unua efiko de la severaj aranĝoj, kontraŭ kiuj Grekio kompreneble vigle baraktis, estis grava plibonigo de l' kurso de ĉiuj, ankaŭ de la pli malnovaj Grekaj pruntoj. La konfido je la sekureco de la pruntedonitaj sumoj revenis kun la firma organizo kaj la malkaŝeco de la elpagplanoj.

En 1848 ankaŭ la Banko de Francio estis devigata al ĉesigo de la elpagoj. Tamen tiu ĉi tranĉa aranĝo ne havis malbonan rezulton, tial ke la banko per la rapida refluo de la biletoj estis ebligata, rekomenci la elpagon. Dank' al la firma certigita mondepono, ne povis esti parolo pri daŭra nekapableco de pago. Kontraŭe la bankrotoj de la Aŭstria nacia banko post 1848 kaj de la Rusa banko depost 1866 estis kaŭzataj de la neebleco fluigi la kapitalojn.

La politikaj malordoj en Hispanio inter 1820 kaj 1860 ankaŭ kaŭzis konfuzigon de la ŝtataj financoj. Kiam, en oktobro 1823, Ferdinando VII kun helpo de la Francoj prenis sur sin la regadon, li rifuzis oficiale akcepti la de la konstitucia registaro faritajn tiel diritajn Kortes-ŝuldojn. Du trionoj el ili ŝanĝiĝis en ŝuldon repagotan je 5 %, la resto en senprocentan, pasivan ŝuldon. Sed la financa stato tiom malboniĝis, ke en majo 1836, eĉ la procentpago por la du favoritaj trionoj estis ĉesigata.

Frapantan ekzemplon, kiel povas esti senhavigitaj la kreditoroj de ŝtato per arbitre ordonita malaltigo de la procentmezuro, vidigas la financaj spekulacioj en Turkio 1875. Sekve de senmezura malŝparemo, la financoj de l' ŝtato jam de longe estis malordigitaj. De la inter 1850 kaj 1875 enkasigitaj sumoj, sumiĝantaj je 5 miliardoj da frankoj, eĉ ne la dekono estis profite procentdonita. Por pagi la ĉiujare pagotajn rentojn, oni faris ĉiam novajn pruntojn. Por fine reordigi la egalpezon inter la enspezoj kaj la elspezoj, la registaro je la 7 oktobro 1875 ordonis, ke dum la kvin venontaj jaroj estu pagataj kontante nur la duono de la sendoj; por la cetero estu eldonataj obligacioj. Tiuj ĉi estu repagotaj en januaro 1881. Sed jam en aprilo oni ne povis plu enspezigi siajn kuponojn, kaj ĉar Turkio ĉesigis ĉian ŝuldelpagon, la kreditoroj estis devigataj al kolektiva agado. En la Berlina Kongreso (meze de 1878) estis proponata starigo de financkomisiono. Sed nur post penegaj traktadoj akiriĝis la imperiestra konsento al la proponoj de la kreditoroj. La profitoj de kelkaj ŝtataj monfontoj estu certigataj por la rentpago, la ŝuldsumo kaj la procentmezuro estu malaltigataj. Tiamaniere estis starigata efika financkontrolo, kiu tre utilis al la kreditoroj, sed kiu treege malfortigis la aŭtoritaton de la Turka ŝtato.

Kelkaj ekzemploj montru kiel strange oni, en la mezepoko, maskis tiun agmanieron. La sub zorganteco de la Jesuitoj tenita reĝo Sebastiano de Portugalo deklaris en 1560, ke li ne povas pagi plu 5 procentan renton, ĉar la teologoj riproĉas al li la antaŭe pagitajn pli altajn rentojn, kiel pekan inciton al procentego. Colbert, la eminente kapabla konsilanto de Ludoviko XIV de Francio, pravigis 1664 kontraŭleĝe malaltan rentrepagon per la deziro, senŝarĝigi la kampulojn, premegitajn de la por la rentpago necesaj impostoj. Ankaŭ la pravigo de la Franca financministro, Abato Terray, por senkulpigi sian ŝtatbankroton, ne povas esti akceptata kiel seriozaĵo: „En ĉiu jarcento devas okazi bankroto, por remeti la ŝtaton *al pari*", li diris.

Post la gravega financrompo de Law venis, en 1769, en Francio la bankroto de Abato Terray. Je la fino de tiu ĉi jaro la Francaj financoj estis tute malordigitaj. Per antaŭpagoj oni estis elspezinta la enspezojn por 1770 kaj por la unua duono de 1771, kune 322 milionoj da frankoj. Aldone venis deficito de 61 milionoj. Plue la publika ŝuldo de 2300 milionoj postulis rentopagon de 110 milionoj. Tiam Maupean proponis la de ĉiuj refuzitan oficon de financministro al Terray, kiu akceptis. Terray estis konsiderata kiel tre kapabla kaj fervora membro de l' parlamento. Per reĝa mandato de l' 7 janaro 1770 li ordonis, ke la monsumoj destinitaj al la repago de la ŝtataj ŝuldoj dum ok jaroj ne plu estu elspezitaj tiucele. Tio signifis prokraston de la devo repagi kapitalon. Tiamaniere li havigis al si 154 milionojn, kiuj verdire estis ŝtelitaj de la rajtaj posedantoj.

Se ŝtato devige malaltigas la nominalan valoron de sia papermono je la jusa kurso, ĝi kaŭzas gravajn perdojn al la ŝtatanoj: la malgrandaj kapitalistoj, la rentuloj kaj la salajritoj. Tia senvalorigo de l' papermono trafis en 1811 la Aŭstrian popolon. La efiko estis ruiniga. Kvindek jaroj poste A. Springer skribis en sia Historio de Aŭstrio: „Eĉ nun la rememoro pri la financpatento de 1811 restas pli firme fiksita en la kapoj de la enloĝantoj ol ĉiu alia okazintaĵo, kaj estigas ĝin la plej grava epoko de la moderna historio de Aŭstrio. La nuntempa generacio kompreneble ne sentas la teruron, kiun sentis ĝiaj patroj, kiam je la mateno de l' 15 marto 1811 ili vekiĝis senhavuloj, post kiam ili la antaŭan vesperon ankoraŭ ĝuis la feliĉon de riĉeco." De kiam, en 1762, eldoniĝis la unuaj bankpaperetoj por 12 milionoj, la Aŭstriaj financoj malprosperis. De 1782 ĉiu jara bilanco montris gravan deficiton, kiun oni provis rebonigi per eldono de pluaj bankopaperetoj. Jam en 1792 la absolvo de la monasignoj iĝis malfacila, por arĝenta mono oni pagis aĝion. Ĉiuj provoj haltigi la fortegan paperfluon malsukcesis. La aĝio altiĝis en 1805 ĝis 149 %, la cirkulado de la paperetoj ĝis 337 milionoj. Kiel elturniĝo oni intencis malaltigi la nominalan valoron je 40 %. Sed tiu ĉi intenco ne efektiviĝis. Komence de 1808 la cirkulantaj biletoj atingis la sumon

de 500 milionoj, la aĝio estis 200%. Aldone venis la gravaj landperdoj per la packonkludo de Schönbrunn. En la ceditaj limlandoj la bankpaperetoj estis senvalorigataj, ili amase refluis en la devenlandon, kaj tre malaltigis la kurson. Per la fatala leĝo de l' 20 febr. 1811 ordoniĝis malaltigo de l' valoro ĝis kvinono. La cirkulado de 1060 milionoj estis reduktata je 212 milionoj. De la 1 febr. 1812 la absolvatestoj eldonitaj kiel kompenso por la retiritaj bankpaperetoj, kiuj havis nur la kvinan parton de la origina valoro, estis fariĝontaj la kuranta valuto de la lando. En multaj okazoj la efiko de tiu ĉi patento egalvaloris 80 procentan havimposton. Impostoj kaj rentoj estis pagotaj en la nova valuto, do altiĝis kvinoble, ĉar la valorigo de la laboro kaj la prezoj de la komercaĵoj ne partropenis en la ŝanĝoj de la valuto. Grillparzer en sia membiografio skribas pri tio jene: „La morto de mia patro nin treege malfeliĉigis. La de li dum la lastaj monatoj farita ŝuldo devis esti pagata. La sumoj ŝulditaj al li de liaj klientoj estis ĉu neakireblaj, ĉu nur per cedo de almenaŭ la dekono. La cetero apenaŭ sufiĉis por pagi la edzîĝpretendojn de mia patrino — por ni infanoj restis preskaŭ nenio, kio per la post du jaroj dekretita financpatento de l' jaro 1811 fariĝis nepre nenio. La sama financpatento reduktis la pension, kiun mia patro estis certiginta al sia vidvino per jaraj elpagoj el la kaso de la fakultato, je 90 florenoj en papermono. Kaj per tio devis vivi patrino kun kvar infanoj!"

*Franz Friedrich.*
Trad.: *A. C.*

---

# Leĝo kontraŭ alkoholismo

*Finnlando kiel eksperimentkampo*

Ĉiu vera amiko de bonfarto de la homaro konstatas kun kontenteco la postmilitan pliviglîĝantan bataladon kontraŭ unu el la plej grandaj malvirtoj kaj malamikoj de la nacioj — la alkoholismo.

Ĉirkaŭ centjara laborado por la antialkoholismo montris, ke la laborado komence por la modereco kaj poste por la absoluta sobreco sen leĝdonado sola ne sufiĉis. La lokaj limigoj ne ŝajnis konduki al fina venko. Pli kaj pli severe oni konvinkiĝas, ke ĝin povas atingi nur ĉiunacia, t. e. kunlaborado de nacioj por malpermesa (prohibicia) leĝo. Kiel belajn signojn de tiu ĉi komenciĝanta kunagado ni povas citi ekz. la jenajn ĝojigajn faktojn.

Amerika malpermesa organizaĵo „The Antisaloon League" (Washington) kredeble estis la unua, kiu kolektis belan sumon je 50,000,000 da dolaroj por tiu internacia entrepreno.

Kongreso de la mondloĝio de bontemplanoj en Kopenhago lastan julion kun siaj 2000 reprezentantoj i. a. aprobis sekvantajn decidesprimojn por batalo por la monda malpermesa leĝo:

1e La ligo esprimas kiel sian celon labori ĝis malpermesa leĝo ĉie en la mondo efektiviĝos;

2e oni gratulas Usonon, Kanadon, Islandon kaj Finnlandon kaŭze de malpermesa leĝo kaj admonas al daŭra energia laboro;

3e la ligo kontraŭstaros ĉiujn monopolojn k. a. sistemojn;

4e la organizaĵo esprimas sian ĝojon, ke la „Ligo de la Nacioj" faris decidon por sekvigi malpermesan leĝon por naturpopoloj en Afriko.

Vere la opiniesprimo de tiuj ĉ. 800,000 bontemplanoj ion signifos!

Ĉe la fino de la sama monato okazis en la sama urbo ankaŭ alia internacia antialkoholista kongreso. Ĝin estis aranĝinta organizaĵo por malpermesa leĝo „The World Prohibition Federation". La kongreso decidis sendi al la registaroj de ĉiuj landoj admonon por leĝdonado por malpermesa leĝo. En ties ĉefpunktoj estas i. a. dirite, ke la impostoj kaj la aliaj avantaĵoj nur malgrandakvante kompensas al ŝtato, kiu permesas uzadon de ebriigaj trinkaĵoj, la ekonomiajn kaj aliajn malprofitojn. Oni aludas al la opinioj de juristoj, kuracistoj, sciencistoj, oficialaj statistikoj, kiuj akordiĝas en tio, ke la uzado de alkoholhavaj trinkaĵoj formas rektan kaŭzon al neleĝeco, krimoj, malvirtoj, malriĉeco, spiritmalsanoj, memmortigoj kaj gravaj spiritaj kaj ekonomiaj malprofitoj. La kongreso admonas al registaroj fari enketojn kaj kolekti statistikojn pri la influoj de la uzado de alkoholhavaj trinkaĵoj, kaj, se la rezultoj firmigos la opinion de la kongreso, entrepreni efikajn leĝojn kontraŭ la alkoholismo, kaj ke la registaroj kunvoku internacian kongreson por evoluigo de malpermesa leĝo por tuta mondo.

Pri la nedisputeble gravaj decidoj de la 15a internacia antialkoholista kongreso ĵus sidanta en Washington, kiam ni skribas ĉi tion, ni ankoraŭ ne povas ion rakonti.

Ĉar al niaj eksterlandaj legantoj certe treege interesas aŭdi ion pri la influoj de malpermesa leĝo en respubliko Finnlando, ni volonte rakontos la jenan:

La leĝo estas enkondukata nur antaŭ 1½ jaroj, kvankam ankaŭ en Finnlando, kiel ĉie, ekzistas kontraŭuloj de tiu leĝo: certaj homgrupoj, kelkaj kontraŭstaremaj gazetoj (precipe svedlingvaj), sekretaj brandfaristoj, jes, eĉ ligo kontraŭ la malpermesa leĝo, kiuj nature kune faras ĉion, spite montrante al la mondo kvazaŭ la leĝo tute ne estus obeata — ĉiu meditema kaj honesta homo konfesas la bonajn sekvojn de tiu leĝo. Oni citu nur sekvantajn faktojn.

Al oficialaj informpetoj dissenditaj de la finnlanda sociala ministraro al ĉiuj komunumaj delegitaroj — 259 delegitaroj respondis, ke la drinkado nun estas *pli malgranda* ol antaŭ la mondmilito kiam la drinkado estis leĝe permesita, 24 diris, ke ĝi estas pli granda, 16, ke ĝi estas antaŭa kaj 10 ne sciis respondi. Al dua informpeto: ĉu la morala stato kaj precipe la sobreco estus pli bonaj en la nunaj cirkonstancoj se oni libere ricevus ebriigajojn kiel antaŭ la mondmilito — 250 delegitaroj respondis nee kaj nur 25 jese kaj 34 ne volis respondi.

El finnlanda pastraro, al kiu oni direktis la similajn informpetojn — 290 paroĥestroj respondis, ke la drinkado estas nun *pli malgranda,* 31, ke ĝi estas kiel antaŭe, 22 ne povis certe diri kaj 42 diris, ke ĝi estas pli granda. Koncernante moralan staton — 318 paroĥestroj respondis rigore neante, 30 jese kaj 37 nenion povis diri.

Al informpeto pri la influoj de malpermesa leĝo je ekonomia stato de malriĉaj popolamasoj — 228 paroĥestraj oficejoj respondis, ke la leĝo influis favore, 82 ne observis ĝiajn influojn kaj 77 ne sciis respondi.

Kiam la finnlanda registaro antaŭ ĉ. 60 jaroj malpermesis la hejman brandfaradon, multaj unue nature ne obeis la leĝon, sed iom post iom oni pli kaj pli malofte trovis sekretajn brandfarejojn. Tia estos la sorto, tio estas nia konvinko, ankaŭ nun kun ĉi tiu leĝo.

Ke oni laŭtempe, laŭgrade povas detrui sekretajn brandfarejojn, tion montras la ciferoj el la gubernio Vaasa, kie tiu malvirto eble ĉiam estis la plej granda en la lando. Dum 6 monatoj en 1912 policano sciiĝis 745 okazojn, sed dum 1920 nur — 421 okazojn. Multloke tutaj vilaĝoj ekstariĝis kontraŭ la malvirto. Kontraŭ ĝi bataladas bonege la plej multaj gazetoj, oficistoj, policanoj, komunumaj abstinaj zorgantoj, k. t. p. Bedaŭrinde ekzistas inteligentuloj, kiuj senhonte spitas la leĝon por nur povi diri, ke oni ne obeas ĝin! Tiuj malhonestuloj batalas sian mortbatalon, ĉar ili scias, ke ili devas ĉesi.

La influoj fariĝos ankoraŭ pli efikaj kiam ankaŭ Estonio kaj Svedio ricevos malpermesan leĝon, kiu revo verŝajne ne estos tro malproksima.

*H. Salokannel.*

# La penso de Einstein

(La principo de relativeco)

---

La historia evoluo de la sciencoj venis kelkfoje al punktoj, kie la tuto aŭ almenaŭ granda parto de la homaj scioj, ĝis tiam sur iu certa kampo perlaboritaj, estis ekkonataj kiel malveraj, kaj sekve la tuta idearo de la homoj ĝenerale kaj de la sciencistoj speciale devis ŝanĝiĝi. Tio okazis ekz., kiam Kopernikus pruvis, ke nia tero ne estas la centro de la universo, sed nur unu — eĉ tre malgranda kaj malgrava — en sennombra aro da samspecaj korpoj, ruliĝantaj tra la senfina spaco, same kiam la fenomenoj de la radiumo ekkonigis, ke la malnova teorio pri la konstanteco de la elementoj ne plu estis defendebla k. t. p. Nun simila revolucio okazas en la fiziko. Ĉio, kion depost la tempoj de Euklid, Galilei kaj Newton ni kredis firma kaj nerenversebla: la malsameco de energio kaj materio, la gravitaciaj leĝoj, la tridimensieco de l'spaco, la absoluteco de la tempo — ĉio ĉi kaj multo alia estas nun pruvita kiel malĝusta aŭ almenaŭ nur valora inter certaj limoj!

Jam dekomence mi asertas: ni aŭdas ĉi-tie ne la fantaziaĵojn de iu revulo, sed la rezultojn de ekzaktaj matematikaj esploroj, kiuj jam trovis certigon kaj konfirmon per postaj naturobservadoj kaj kies klareco kaj deviga forto entuziasmigas precipe la matematikistojn. Bedaŭrinde la „eleganta" maniero, kiel ĉi-tie natursciencaj faktoj estis trovataj nur helpe de matematikaj signoj sur la papero, estas por la laiko malhelpilo de l'kompreno; ĉar nur sciante la aplikon de la plej malfacilaj ĉapitroj el la matematiko oni povas postiri la vojojn, kiuj kondukis al la menciitaj rezultoj. Jes, eĉ tiuj rezultoj mem parte estas por meze formita cerbo tiom malfacile kompreneblaj, ke ankaŭ komparoj kaj alegorioj nur havas malmultan klarigan forton. Tamen mi volas provi, kelkajn el tiuj pensoj populare prezenti; ĉar estas necese, ke pri tiaj faktoj, revoluciantaj la tutan ideon pri la mondo, ĉiu klerulo sciu almenaŭ la fundamentojn.

La trovinto de tiuj novaj pensoj estas A. Einstein, profesoro en Berlin. Li finkonstruis sian teorion en la jaroj 1914-1917 kaj nomis ĝin la „Principo de la relativeco".

Kio estas relativeco? Ankoraŭ en la mezepoko oni kredis, ke la tero estas maso esence horizontala, de ne konataj longo kaj larĝo. Super ĝi, t. e. en la direkto de niaj kapoj, troviĝas la ĉielo; sub ĝi, t. e. en la direkto de niaj piedoj, estas la subtero, la infero, hadeso. Pri la du direktoj supren kaj suben ne ekzistis — kaj ne *povis* ekzisti — iu dubo; ili estis absolutaj. Kaj se iu estus volinta pridiskuti ilin dirante, ke supre povus eble esti — sub iaj cirkonstancoj — sube, oni estus arestinta lin en frenezulejo. Hodiaŭ ĉiu infano scias, ke la homoj en Aŭstralio iras per piedoj turnitaj al niaj, tiel ke, se la tero estus el vitro, ni povus vidi iliajn plandojn. Tiuj niaj antipodoj nomas suban direkton en la universo tiun, kiun ni nomas la supran. Tamen *rilate al la terglobo* ili, kiel ni, difinas kiel suban direkton tiun al la centro de nia planedo. Per aliaj vortoj: Ni scias hodiaŭ, ke en la universo la esprimoj „supren" kaj „suben" estas sensencaj, ke ili enhavas sencon nur, kiam oni rilatigas ilin al iu ajn sistemo.[1] *La direktoj estas relativaj.*

En mia junaĝo mi vizitis iam budon, en kiu oni montris la „balancilon de la sorĉistino." Oni vidis tie altan ĉambron, en kiu mezalte inter la muroj pendis granda balancilo. Oni sidiĝis sur ties benkojn, la pordo estis fermata, tiel ke nur lampo heligis la ĉambron, kaj oni ne plu povis vidi la eksteran mondon. Nun la balancilo komenciĝis moviĝi antaŭen kaj malantaŭen, pli kaj pli alten, ĝis fine ĝi svingiĝis cirkle tiel, ke la ensidantoj en kelka momento sidis kun la kapoj turnitaj al la planko de l'ĉambro, kaj la infanoj kriis timante, ke ili falos. Sed fakte la balancilo restis tute nemovata, dum kontraŭe la tuta ĉambro per mekanismo estis turnata ĉirkaŭ ĝi. Tio montras, *ke ankaŭ la movoj estas relativaj*; ĉar la impreso estas la sama, ĉu mi mem ripozas kaj la muroj moviĝas ĉirkaŭ mi, ĉu la muroj staras nemovataj kaj mi mem cirkle svingiĝas en ĝi?[1] La saman fenomenon spertis jam ĉiu, sidante en vagonaro, dum alia haltis apud ĝi. Subite la fenestroj de la apuda vagonaro komencas moviĝi preter la nia. Tiam dum kelkaj momentoj estas neeble decidi, ĉu nia vagonaro, ĉu la apuda veturas, ĝis ni sukcesas vidi objekton, ekz. domon, arbon, pri kiu ni *scias*, ke ĝi nepre estas staranta. Se mankus tiaj rilatobjektoj — ekz. se la ambaŭ vagonaroj starus en malplena spaco sur reloj, kiuj neniel skuas la vagonon — ni neniel estus kapablaj decidi, ĉu ni formoviĝas aŭ ne.

Alia ekzemplo por la relativeco de la movoj estas jena: Se iu persono sidanta en rapide veturanta aeroplano elĵetas kuglon al la tero, ĝi ŝajnas, vidata de supre, fali vertikale malsupren. Sed persono, kiu de sur la tero rigardas la kuglon, vidas fali ĝin en parabola linio; ĉar la kuglo estas ja movata de du fortoj: la horizontala de la fluganta aeroplano kaj la vertikale efikanta gravitacio de la tero. Se tial la veturanta persono diras: „Mia kuglo falas vertikale", kaj la staranta: „Via kuglo falas parabollinie", ili ambaŭ estas pravaj; ĉar ĉiu rilatigas la observitan movon al „sia sistemo" (la aeroplano aŭ la tero). Kiu interesiĝas pri tiu ĉi afero, pripensu la demandon: Kial oni povas pilkludi sur veturanta ŝipo? kaj kiaj estas la moviĝoj de la pilkoj, rigardataj de sur la riverbordo? — Resume: Ankaŭ la movoj en la universo estas relativaj; ili ricevas iun difineblan sencon nur, se oni rilatigas ilin al iu ajn sistemo, moviĝanta per konstanta rapideco.

Elirante de tiu ĉi simpla fakto, Einstein paŝis pli antaŭen kaj trovis, ke *ankaŭ la tempo estas relativa*, t. e. ke nia tera tempo tute ne konformiĝas al la rapideco de la tempo sur aliaj moviĝantaj sistemoj. Se ekz. sur iu kometo, preterpasanta nian teron, sidus homoj kaj ĝustigus siajn horloĝojn laŭ niaj, tiuj iliaj horloĝoj irus malĝuste; ĉar la longo de la horoj sur alia sistemo (ĉi-kaze la kometo) estas alia ol sur la tero. Por eviti la matematikan derivadon ni provu, ankaŭ ĉi-tiun fenomenon klarigi per ekzemplo.

Ni imagu, ke en London kaj Moskvo staras du altegaj turoj. Sur ĉiu turo staras homo kun horloĝo. La ambaŭ horloĝoj estas sinkronaj, t. e. ili montras ĉiam la saman tempon kaj iras samrapide. (Tio estas tute precize farebla; kiel, tio ne interesas nin ĉi tie.) Sur ambaŭ turoj estas plue du lumfortaj reflektoroj, kiuj en la sama momento (kontrolita laŭ la sinkronaj horloĝoj) elsendas lumfulmon. Sur tria turo, staranta precize en la mezo inter London kaj Moskvo, troviĝas persono, kiu en v-forma spegulo povas observi ambaŭ fulmojn. Certe tiu ĉi observanto vidas ambaŭ fulmojn samtempe; ĉar la lumradio, kiu alportas la Moskvan fulmon, bezonas la saman tempon, kiel la fulmo el London. Ni imagu plu, ke aerŝipo veturas kun grandega rapideco rektlinie de London al Moskvo kaj troviĝas en la momento de la ekfulmo ĝuste super la meza turo. Ĝi do fugas la radion, venantan kvazaŭ post ĝi el London, kaj renkonten iras al la Moskva fulmo. Tial observanto en la aerŝipo vidus unue la Moskaŭan kaj poste la Londonan fulmon. Ĉu la du fulmoj okazis samtempe? Por la surtera observanto: jes; por la aerŝipisto: ne. Per aliaj vortoj: la tempo sur ambaŭ sistemoj estas malsama! Ĉar se eble la surtura observanto dirus: „Vi en la aerŝipo malĝuste observis, ĉar vi moviĝas al Moskvo", la aerŝipisto povus kontraŭdiri: „Tute ne; sed vi eraras, ĉar vi moviĝas okcidenten, al London. Se vi ekvidas la ambaŭ fulmojn samtempe, tio ebliĝas nur per tio, ke la unue ekfulminta lumo en Moskvo bezonas pli da tempo por postkuri vin; kaj ĉar la Londona lumo havas malpli grandan vojon al vi, ĝi alvenas, kvankam poste ekfulminta, ĉe vi samtempe kun la Moskva. Sed *mi* vidas ambaŭ fulmojn laŭ la efektiva sinsekvo!"

Ankoraŭ unu paŝon plu. Jen en la malplena spaco de l'universo, malproksimege de ĉiu ajn astro aŭ korpo, ŝvebu kesto, en kiu staras

---

[1] Mi uzas tiun ĉi vorton ĉi-tie en la senco de „aro da diversaj ajoj kunligitaj per iaj rilatoj kaj dependoj" (Verax). Laŭ tio ekz. homo, vagonaro, triangulo, la tero, la suno kun sia planedaro k. t. p. estas sistemoj

[1] Por spertuloj: Mi scias tre bone, ke la citita ekzemplo pro unu punkto estas netaŭga. Sed ĉar ĝi estas instruforta kaj nova, mi uzis ĝin malatentante la nekorektaĵon, kiun multaj legantoj eble eĉ ne rimarkos.

observanto. En la mano li tenas kuglon, kiu malprenate moviĝas al la sama muro de l' kesto, sur kiu troviĝas la piedoj de l' observanto, t. e. al la planko. En la tegmento de l' kesto estas fenestro. La observanto rigardas eksteren kaj vidas, ke meze sur la kesto granda hoko estas fiksita, de kiu dika, rektlinia stango etendiĝas „supren" en iun nekonatan malproksimon. Rigardante pli precize, li rimarkas, ke tiu ĉi kredata stango estas forte streĉita ŝnurego, ĉe kies fino la kesto estas alligita. Nu, oni diras, kio mirinda? La gravitacio tiras la keston malsupren; tial la ŝnurego estas streĉita. La gravitacio influas la malprenitan ŝtonon; tial ĝi falas. La gravitacio altiras eĉ la observanton, tiel ke li staras sur la kestoplanko kaj ne estas ĵetata per iu ventbloveto al la tegmento. Bone; sed ni supozis komence, ke ni troviĝas malproksimege de ĉiu ajn astro aŭ korpo, kiu povus elsendi gravitacian influon. Ĉu nun la samaj fenomenoj povas aperi? Jes, nome tiel: Ĉe l' alia fino de la ŝnuro troviĝas viro, kiu kun granda rapideco tiras al si la ŝnuron kun la kesto. Tiam la ŝnuro streĉiĝas pro la ĉiama tirado „supren"; la ŝtono ne *falas*, sed restas ŝvebanta, dum la kestoplanko venas supren al ĝi; kaj la homo ne premas siajn plandojn sur la plankon, sed la planko suprenleviĝanta premas liajn piedojn! Kaj kiel en la antaŭa ekzemplo de l' vagonaro, tiel ankaŭ ĉi-kaze la observanto en la kesto neniel povas konstati, kiu el la du kaŭzoj estas la vere efikanta: ĉu iu gravitacio sub la planko, ĉu la inertforto de la tri objektoj (kesto, ŝtono, homo) kontraŭefikanta la tirantan forton. Tiun ĉi fakton Einstein formulis en sia fama „ekvivalencprincipo" tiel: La efiko, kiun gravitacia sfero faras al iuj naturprocedoj, rigardataj de observanto ripozanta rilate al la gravitacia sfero, neniel diferencas de la efiko, kiun la observanto vidus, se li moviĝus en sengravitacia spaco per la sama rapido, kiun la gravitacia sfero efikas.

Mi prezentis el la granda komplekso de problemoj, solvitaj per la relativecprincipo, nur kelkajn simplajn ekzemplojn, por iomete montri, pri kio estas la demando. Kiu deziras pli detale enpenetri la interesajn demandojn, turnu sin al specialaj libroj. Sed ĉar multaj legantoj eble pensos, ke la tuta teorio estas *nura* teorio, interesa eble por fizikistoj, sed tute malgrava por la praktika vivo, mi jen notas ankoraŭ kelkajn sciencajn kaj praktikajn konsekvencojn de la relativecprincipo, memorigante, ke ĉiuj ili estas pruvitaj, kvankam ĉi-tie ne estas pruvataj — pro kaŭzoj jam priparolitaj.

La naturfenomenoj ne disfalas plu en du klasojn: mekanikaj kaj elektromagnetaj; ĉar ili ĉiuj okazas laŭ la samaj leĝoj. — La geometrio de Eŭklid ne plu estas nepre kaj ĉie uzebla. — Neniu korpo povas formoviĝi kun rapideco pli granda ol tiu de la lumo (300 000 km posekunde). — La maso de korpo estas dependa de la rapideco, per kiu ĝi moviĝas. La maso de korpo kreskas, se oni aldonas al ĝi energion. *Materio kaj energio estas identaj. La doktrinoj pri la konservo de la materio kaj de la energio kunfandiĝas.* — La latenta energio de ĉiu korpo estas kalkulebla laŭ la formulo: $m c^2$ (m = gramoj de la maso, c = lumrapideco). Laŭ tio 1 kg da karbo enhavas 23 000 000 000 000 kaloriojn (oni nun gajnas el ĝi nur 7000), kiuj sufiĉus, por veturigi 50 000-ĉevalfortan vaporŝipon dum 10 jaroj. — Tempo kaj spaco ne povas ekzisti izolaj, sed nur kune (spacotempo). Tiamaniere al la tri ĝis nun konataj dimensioj la tempo estas alkalkulenda kiel kvara. — La spaco (la malplena spaco de l' universo) havas kurbaĵojn. — La lumradioj preterpasantaj la sunrandon estas kurbigataj pro la suna gravitacio (pruvita de angla ekspedicio en Norda Brazilio kaj sur la afrika insulo Principe la 29an de majo 1919).

Por la aferoj de la surtera praktika vivo la ĝisnunaj mekanikaj principoj povas ankoraŭ esti aplikataj; ĉar pro la malrapidaj movoj sur la tero la malĝustaĵoj de ĉiuj tiaj rezultoj estas tiom malgrandaj, ke ili povas resti neatentataj. Sed la nova teorio estas ankoraŭ tre juna, kaj ni ne povas jam scii, kiajn konsekvencojn ĝia eltrovinto kaj liaj disĉiploj ankoraŭ eltiros el ĝi. Intertempe ni ĝoju pri la nova venko de la homa spirito, kiu ree plivastigis niajn sciojn pri la mistera universo, en kiu ni vivas.

*Paul Bennemann*, Leipzig.

# ✱ NOTOJ ✱

.·. **La unua porcelanmono cirkulanta.** — Ĵus aperis la unuaj porcelanmoneroj modelitaj de Paul Börner kaj fabrikitaj en la Meissena porcelanmanufakturo. La moneroj (5 M ĝis 10 Pf.) estas rondaj. La supraĵo montras kvadratan kadron kun la literoj Deutsches Reich kaj la valorciferojn, la arkojn plenigas kverkfolioj kun glanoj kaj la glavoj de la princelektisteco (la signo de la Meissena porcelanmanufakturo). Sur la malsupraĵo de la Kvinmarkmonero oni vidas en plej malalta reliefo gepatran paron, kiu etendas benante la manojn super infano; sur la trimarkaĵo nudan homidon, kiu petegante suprenlevas la manojn al la steloj; sur la dumarkaĵo nudan bubon, kiu transportas grenon per ŝipeto. La markaĵo montras kverkstumpon denove burĝonantan, la kvindekpfenigaĵo aglokapon, la dudekpfenigaĵo torĉon, la dekpfenigaĵo duoblan garbon stiligitan. La porcelanmanufakturo fabrikis aukaŭ apartajn monerojn por la *urbo Meissen*. Oni ilin baldaŭ ekcirkuligos. Sur la supraĵon de ĉi tiuj elipsaj moneroj de la urbo Meissen estas reliefe stampitaj la urbnomo, la urba blazono, la valorciferoj kaj la jarnumero. La malsupraĵo de la markaĵo enhavas patrinon de du grenspikoj enkadrigitan, kiu premas infanon al la brusto; la malsupraĵo de la Kvindekpfenigaĵo montras vazon per la princelektistaj glavoj ornamitan, el kiu superstaras spiko kaj traŭbo (vinberaro). Porcelanmonerojn mendis aukaŭ la altfervojo de *Hamburg*, nome dudekpfenigaĵojn malsupraĵe ornamitajn per nuda bubeto rajdanta sur stiligita flugilrado. 300,000 el tiuj ĉi moneroj unue ekcirkulados. Ankaŭ aliaj germanaj urboj mendis porcelanmonon ĉe la Meissena manufakturo, kaj sekve de tio tre baldaŭ multnombraj porcelanmoneroj anstataŭos la paperan ŝanĝmonon. — *F. Thiel.*

.·. **La aerkomunikado.** — Taga regula aerkomunikado por poŝto kaj pasaĝeroj estas depost 11 aŭgusto malfermita inter Svedio kaj la eksterlando. Malmö estas la eliradstacio de Svedio, kaj la flugmaŝinoj venas al Kopenhago, Berlino, Hamburgo, Amsterdamo kaj Londono. La ekstra afranko de Svedio estas por letero j 20 öre.

.·. **Migrantaj specimenfoiroj.** — Oni havis la ideon en Italio organizi specimenekspoziciojn sur ŝipoj. La ideo havis sukceson ankaŭ en aliaj landoj. Oni organizas en Francio „migrantan foiron" por la Mediteranea oriento. Anglio informas pri „kolosa specimenfoira ŝiparo" por la havenoj de siaj multnombraj kolonioj. Belgio preparas „naĝantan foiron" por norda Eŭropo. Tiun iniciaton certe sekvos Usono, Japanio kaj Kanado. En Italio oni ĵus preparis la ŝipon „Trinacria", kiu foriros de Napoli al Tunis, Alger, Tanger, Lisboa, Barcelona, Marseille ĝis Genova. La ekspozicio restos 4 ĝis 7 tagojn en ĉiu haveno, laŭ ĝia graveco. Ĉiuj italaj produktoj estos reprezentataj. La ŝipo estas provizata je orkestro, kinematografa aparato kaj senfadena telegrafaparato por komuniki tuj la mendojn al la komercaj firmoj. — *L. P.*

.·. **Kolosa teatra prezentado.** — En la granda amfiteatro de Verona de l' 27 julio ĝis la 20 aŭgusto estis prezentataj la du famaj Operoj Mefistofele de Arrigo Boito, kaj Aida de Giuseppe Verdi. Pli ol 25,000 ĉeestantoj kaj 2,000 aktoroj. La sukceso estis grandega. Fremduloj kaj famaj verkistoj alvenis el ĉiuj partoj por ĝui tiujn mirindajn spektaklojn.

.·. **La plumoj.** — La anserplumoj destinitaj por skribo ĝeneraliĝis depost la sepa jarcento; tamen ili estis konataj antaŭ tiu ĉi epoko, ĉar bareliefo de la kolono Trajana en Romo reprezentas personon tenanta en la mano anserplumon kaj preta skribi.

Oni pretendas eĉ, ke la metalaj plumoj datas de tiu ĉi epoko, ĉar en elfosaĵoj faritaj en Roma tendaro apud Zagreb, oni trovis kelkajn ekzemplerojn de objektoj treege similaj al niaj modernaj plumoj. En 1544 instruisto de kaligrafio el Nürnberg publikigis verkon kie li indikas la fabrikadon de plumoj feraj kaj latunaj. La ŝtala plumo estas citita en teksto redaktita en la kongreso de Aachen en 1748. — Trad.: *I. H. K.*

 LITERATURO 

# Malbona vetero

Rakonto de **A. Ĉeĥov**

Kontraŭ la malhelaj fenestroj frapadis grandaj gutoj de pluvo. Tio estis unu el naŭzaj kamparaj pluvoj, kiuj, komenciĝinte, daŭras longe, kelksemajne, ĝis la malvarmiĝinta kampodomulo alkutimiĝos kaj enprofundiĝos en plenan apation. Estis malvarme, sentiĝis akra, neagrabla malsekeco. La bopatrino de advokato Kvaŝin kaj lia edzino Nadejda Filipovna, suvestitaj per pluvmanteloj kaj ŝaloj, sidis en manĝoĉambro ĉe la tablo. Sur la vizaĝo de la maljunulino estis skribite, ke dank' al Dio ŝi estas sata, vestita, sana, edziniginta sian solan filinon kun bona homo, kaj ke nun ŝi povas kun trankvila konscienco elmeti kartpacienco; ŝia filino, malgranda, dika blondulino dudekjara, kun dolĉesprima anemia vizaĝo, legis libron, metinte la kubutojn sur la tablon; laŭ la okuloj, ŝi ne tiom legis kiom pripensis siajn proprajn pensojn, kiuj ne estis en la libro. Ambaŭ silentis. Aŭdiĝis bruo de l' pluvo kaj el la kuirejo alflugis longaj oscedoj de la kuiristino.

Kvaŝin mem forestis. Dum pluvaj tagoj li ne venis en la kampodomon, restis en la urbo; la malseka kampara vetero malbone influis lian bronkiton kaj malhelpis al lia laboro. Li havis ĉiam la opinion, ke la aspekto de l' griza ĉielo kaj la pluvaj larmoj sur la fenestroj forprenas la energion kaj alpelas splenon. Dume en la urbo, kie estas pli komforte, la malbonan veteron oni preskaŭ ne rimarkas.

Post du kartpaciencoj la maljunulino miksis la kartojn kaj rigardis la filinon.

— Mi antaŭpensis, ĉu morgaŭ estos bona vetero kaj ĉu venos nia Aleksèj Stepaniĉ, — ŝi diris. — Jam kvinan tagon li forestas... Dio nin punis per tia vetero...

Nadejda Filipovna apatie rigardis la patrinon kaj marŝis el angulo al angulo.

— Hieraŭ la barometro plialtiĝis — ŝi diris penseme: kaj hodiaŭ, oni diras, ĝi ree falas!

La maljunulino metis la kartojn en tri longajn vicojn kaj ekbalancis la kapon.

— Ĉu vi enuas? — ŝi demandis rigardante la filinon.

— Kompreneble!

— Mi ja rimarkas. Kiel ne enui? Jam kvin tagojn li forestas. Okazis en majo maksimume du-tri tagoj, kaj nun — ĉu ŝerco? — jam kvina tago! Mi ne estas lia edzino, tamen ankaŭ mi enuas. Kaj hieraŭ, kiam oni diris al mi, ke la barometro pliatiĝas, mi buĉigis por li, por Aleksèj Stepaniĉ, kokidon, kaj purigis karason. Li ŝatas. Via mortinta patro ne povis rigardi la fiŝojn, kaj li ŝatas. Ĉiam li manĝas kun apetito.

— Mia koro pro li doloras — diris la filino.

— Ni enuas, sed al li estas ankoraŭ pli enue.

— Sendube! Tutan tagon en juĝejoj, kaj nokte sola, kiel gufo, en la malplena loĝejo.

— Kaj estas terure, panjo, li estas tie sola, sen servistoj, neniu estas tie por starigi la samovaron aŭ alporti akvon. Kial li ne prenas lakeon dum la someraj monatoj? Kaj ĝenerale pro kio tiu ĉi kampodomo, se li ne ŝatas? Mi diris al li, ke ne estas necese, li neas. „Por via sano", li diras. Kia do estas mia sano? Mi malbone fartas, ĉar li suferas pro mi tiajn turmentojn.

Rigardante trans la ŝultro de l' patrino, la filino rimarkis eraron en la kartpacienco, kliniĝis super la tablo kaj korektis. Fariĝis silento. Ambaŭ rigardis la kartojn, kaj imagis al si, kiel ilia Aleksèj Stepaniĉ tute sola sidas nun en la urbo, en sia malhela, malplena kabineto kaj laboras, malsata, lacigita, sopiranta pri la familio...

— Ĉu vi scias, panjo? — diris subite Nadejda Filipovna, kaj ŝiaj okuloj ekbrilis. — Se morgaŭ estos la sama vetero, mi veturos al li en la urbon per la matena vagonaro! Almenaŭ mi ekscios pri lia sano, ekvidos lin, trinkigos al li teon.

Kaj ambaŭ ekmiris, kiamaniere tiu ĉi ideo, tiel simpla kaj facile plenumebla, antaŭe al ili ne venis en la kapon. Ĝis la urbo nur duonhoro, kaj poste proksimume dudek minutojn en fiakro. Ili interparolis ankoraŭ iom kaj kontentaj kuŝiĝis, ambaŭ en unu ĉambro.

— O-ho-ho... Dio pardonu al ni pekulinoj! — ekĝemis la maljunulino, kiam la horloĝo en salono eksonis du. — La dormo ne venas!

— Vi ne dormas, panjo? — demandis la filino murmure. — Kaj mi ĉiam pensas pri Aleĉjo. Ke li ne malsaniĝu en la urbo! Li tagmanĝas kaj matenmanĝas Dio scias kie, en kiaj restoracioj kaj trinkejoj.

— Mi ankaŭ pri tio pensis — ekĝemis la maljunulino. — Savu kaj gardu, Ĉiela Reĝino. Sed la pluvo, kia pluvo!

Matene la pluvo ne plu frapis kontraŭ la fenestroj, sed la ĉielo estis griza, kiel hieraŭ. La arboj staris malgajaj, kaj je ĉiu blovo de vento ili ŝutis ŝprucaĵojn. La postsignoj de homaj piedoj sur la malpuraj vojetoj, la kanaletoj kaj radstrioj estis plenaj je akvo. Nadejda Filipovna decidis veturi.

— Saluton al li — diris la maljunulino, ĉirkaŭvolvante la filinon. — Diru, ke li ne tro laboru en siaj juĝejoj... Oni ja devas ankaŭ ripozi. Kiam li eliras en la straton, ke li ĉirkaŭvolvu la kolon: la vetero estas... Dio gardu! Kaj prenu por li kokidon; la hejme bakita, kvankam malvarma, estas tamen pli bona, ol en restoracio.

La filino forveturis, dirante, ke ŝi revenos per la vespera vagonaro aŭ morgaŭ matene.

Sed ŝi revenis multe pli frue, antaŭ la tagmanĝo, kiam la maljunulino sidis en sia dormoĉambro sur la kofro kaj, dormetante, elpensis, kion ŝi rostigu al la bofilo por vespermanĝo.

La filino enirinta en ŝian ĉambron, pala, ekscitita, ne prononcis iun vorton, malleviĝis sur la liton ne formetinte la ĉapelon kaj sin apogis per kapo al la kuseno.

— Kio okazis al vi? — ekmiris la maljunulino. — Kial tiel rapide? Kie estas Aleksèj Stepaniĉ?

Nadejda Filipovna levis la kapon kaj per sekaj, petegantaj okuloj rigardis la patrinon.

— Li trompas nin, panjo! ŝi diris.

— Kion vi, Kristo estu kun vi! teruriĝis la maljunulino, kaj la kapuĉo forglitis de ŝia kapo. — Kiu nin estas trompanta? Dio, gardu nin!

— Li trompas nin, panjo! — ripetis la filino, kaj ŝia mentono ektremis.

— El kie vi prenis? ekkriis la maljunulino paliĝante.

— Nia loĝejo estas fermita. La kortisto diras, ke dum tiuj ĉi kvin tagoj Aleĉjo eĉ unu fojon ne venis hejmen. Li ne hejme loĝas! Ne hejme! Ne hejme!

Ŝi eksvingis la brakojn kaj laŭte ekploris, dirante nur: — Ne hejme! Ne hejme!

Ŝi ricevis atakon de histerio.

— Kio do okazis? — balbutis la maljunulino terurigita. — Li ja antaŭ-hieraŭ skribis, ke li ne forlasas la domon! Kie li noktas? Ho, sanktuloj!

Nadejda Filipovna malfortiĝis kaj eĉ ne povis demeti sian ĉapelon. Kvazaŭ ŝi ricevis daturtrinkaĵon, ŝi sensence ruligis la okulojn kaj konvulsie kaptis la patrinon je manoj.

— Kaj al kiu vi kredas — al la kortisto! — diris la maljunulino, klopodante ĉe la filino kaj plorante. — Tiel ĵaluza! Li ne trompos... Kial li rajtus trompi? Ĉu ni estas iaj?... Kvankam ni devenas de komercista klaso, tamen li ne rajtas, ĉar vi estas laŭleĝa edzino! Ni povas plendi! Mi donis al vi dudek milojn da doto! Vi ne estas sendotulino!

Kaj la maljunulino mem ekploregis kaj eksvingis la brakon, kaj ankaŭ malfortiĝinte kuŝiĝis sur sian kofron. Ili ambaŭ ne ri

markis, ke sur la ĉielo montriĝis bluaĵoj, disiĝis la nuboj, ke en la ĝardeno sur la malseka herbaro singarde glitis unua sunradio, ke la gajiĝintaj paseroj eksaltis apud la marĉetoj, en kiuj reflektiĝis la kurantaj nuboj.

Vespere alveturis Kvaŝin. Antaŭ lia forveturo el urbo li venis sian loĝejon kaj eksciis de la kortisto, ke dum lia foresto la edzino venis tien.

— Kaj jen mi! — li gaje diris enirante en la ĉambron de la bopatrino kaj ŝajnigante, ke li ne rimarkas plorintajn, severajn vizaĝojn. — Kaj jen mi! Kvin tagojn ni ne vidiĝis!

Li rapide kisis la manojn al la edzino kaj la bopatrino, kaj, kun aspekto de l' homo ĝojiganta fini malfacilan laboron, li sin ĵetis en apogseĝon.

— Uf! — li diris, ellasante el la pulmoj tutan la aeron. — Kiel mi laciĝis! Apenaŭ mi sidas! Preskaŭ kvin tagojn... kaj noktojn mi vivis kiel en bivako! En la loĝejo mi eĉ unu fojon ne estis, ĉu vi povas prezenti al vi! Tutan la tempon mi klopodis pri la bankroto de Ŝipunòv kaj Ivànĉikov, estis neceso labori ĉe Galdejev, en lia magazena oficejo... Mi ne manĝis, ne trinkis, dormis sur la benko, tute frostiĝis... Minuton liberan mi ne havis, eĉ por viziti nian loĝejon mi ne trovis tempon. Tiel, Nadenjo, mi hejme eĉ ne estis...

Kaj Kvaŝin, sin tenante je flankoj, kvazaŭ ili dolorus pro laboro, strabrigardis la edzinon kaj la bopatrinon por ekscii, kiel efikis lia mensogo aŭ, kiel li ĝin nomis, la diplomatio. La bopatrino kaj la edzino rigardis unu la alian kun ĝoja miro, kvazaŭ tute neatendite ili trovis perditan multekostaĵon... Iliaj vizaĝoj radiis, la okuloj brilis...

— Karuleto vi mia, diris la bopatrino eksaltante: — kial ja mi sidas? Teon! Rapide, teon! Eble vi deziras manĝi?

— Kompreneble li volas! — diris la edzino forŝirante de sia kapo la tukon malsekigitan en vinagro. — Panjo, donu rapide vinon kaj antaŭmanĝaĵon! Natalio, kovru la tablon! Ha, Dio mia, nenio estas preta!

Kaj ambaŭ, terurigitaj, feliĉaj, ekklopodis, ekkuris tra la ĉambroj. La maljunulino jam ne povis rigardi sen rido la filinon, kiu kalumniis tute senkulpan homon, kaj la filino hontis...

La tablo baldaŭ estis kovrita. Kvaŝin, kiu odoris je Madervino kaj likvoroj, kaj apenaŭ spiris pro satego, plendis je malsato, perforte maĉis kaj ĉiam parolis pri la bankroto de Ŝipunòv kaj Ivànĉikov. La edzino kaj la bopatrino ne deturnis la okulojn de lia vizaĝo kaj pensis:

„Kia li estas saĝa, delikata! Kiel bela li estas!"

„Bonege! — pensis Kvaŝin, sin kuŝante post la vespermanĝo sur grandan, molan kusenegon. — Kvankam ili estas komercistinoj, kvazaŭ tio estas Azio, tamen sentiĝas originala ĉarmo, kaj unu-du tagojn semajne oni povas tie ĉi pasigi kun plezuro..."

Li kovriĝis, varmiĝis kaj diris ekdormante:

— Bonege!

El rusa lingvo esperantigis: *P. Medem.*

# *Nia nova adreso*

*Kiel niaj legantoj legos en la oficiala parto, la Centra Oficejo de UEA kaj de nia gazeto translokiĝis al* **Genève, 12, Boulevard du Théâtre,** *kien oni de nun sendu ĉion.*

# Pri Esperanta literaturo kaj ĝia historio

III

Alia elemento de nia kultura vivado, kiu ankaŭ ne devas akiri influon sur la Esperanta literaturo, estas la religio. Jes, ankaŭ Esperanto posedas religiajn verkojn! Nia Majstro mem multe tradukis el la Biblio: „Espero Katolika" nun denove aperas en Vieno. Tamen ni observas por ĉiuj kompletan toleremon, ĉar ni portas tiun vorton skribita sur nia verda standardo kaj ĝi estas ankaŭ ĉefa supozo por komuna senkonflikta laborado. Kaj la fakton, ke en kelkaj versaĵoj de nia literaturo oni trovas mencion pri Dio, ni ne povas konsideri kiel religian partiecon, ĉar la koncepto „Dio" estas same internacia kiel nia lingvo; kaj sub tiu aŭ alia nomigo li estas konfesata de ĉiu religio kiel la Prakaŭzo de l' universa estado. La influiĝo de la spirito de nia literaturo per iu ajn religio estas kontraŭe neebla. Tiel la politiko kiel ankaŭ la religio estas demandoj, kiuj tute ne tuŝas la veran esencon de Esperantismo kaj la neŭtralecon de nia lingvo.

Mia ĝisnuna meditado pri la Esperanta literaturo koncernas nur ĝian internan esencon kaj la ecojn, kiuj ne tuj al profana okulo montriĝas. Sed la internacieco de la spirito de nia literaturo kaŭzas ankaŭ tute alian fenomenon, influantan precipe ĝian eksteran enhavon.

Ĉar mi tie ĉi parolas pri ekstera diferenco de interna enhavo de nia literaturo, estos certe necese klarigi ambaŭ konceptojn. La interna enhavo de nia literaturo ampleksas ĉiujn ecojn, kiuj koncernas ĝian esencon kaj spiriton kaj pro tio estas ankaŭ tute sendependaj de la esprimiloj de la literaturo mem. La ekstera enhavo ampleksas kontraŭe ĉion, kio falas al ni sub la okulojn, ĉiujn verkojn do kaj skribaĵojn neatentante tamen ilian spiritan enhavon; ĝi estas per unu vorto la konkreta formo de nia literaturo. Oni povus tie ĉi sin helpi plej bone per komparo konsiderante la internan enhavon kiel la animon, la eksteran kiel la korpon de nia literaturo.

Se ni nun tralegas la titolojn de la ĝis nun aperintaj verkoj, ni tuj rimarkas grandan plimulton da tradukaĵoj el fremdaj lingvoj, dum la verkoj originale verkitaj al iom malgranda nombro limiĝas. Tiu ĉi fakto povas eble kredigi, ke nia literaturo ne kapablas konduki vivon memstaran kaj ĉefe bezonas fremdan subtenadon. La granda nombro da tradukaĵoj estas tamen nenio alia ol la sekvo de la internacieco de nia literaturo kaj tute konformiĝas preter tio al la fundamenta penso de l' Esperantismo. Ĉiu lingvo nacia formiĝis nur pro la hazarda kunefikado de politikaj kaj etnikaj momentoj. Ĝi estas rimedo necesa por la pezo de nia pensado inter la limoj de samspeca popolo, kaj tial povas esti konsiderata kiel efektiva popola propraĵo. Esperanto kontraŭe ne estas popola, ĝi estas ja tutmonda propraĵo! Jam komence ĝi estis kreata kun la celo rapidigi la realigon de la idealo de l' „granda rondo familia", pri kiu Zamenhof revas en sia belega „Espero". Sed kian pli konvenan vojon ni havas por atingi la ĝeneralan kunfratiĝon de l' homaro ol reciproke interalie konatiĝi? Kaj kiamaniere oni povas ekkoni malproksiman popolon, se ne per la studado de ĝiaj literaturaj produktoj, kiuj certe tre efike reflektas la popolan spiriton? Tial ankaŭ konsideris multaj gravaj Esperantoverkistoj kiel taskon laŭdindan malfermi per Esperanto al fremdaj samideanoj la vojon al kelkaj verkoj de ilia literaturo. Kaj eĉ dum la lastaj monatoj ni ĝoje registras en tiu ĉi fako novajn gravajn eldonaĵojn.

Sed tie ĉi ni ankaŭ renkontas la plej grandan kontraston inter Esperanta literaturo unuflanke kaj la naciaj literaturoj aliflanke. Ĉar, dum ĉe ĉiu popolo la tradukoj el fremdaj lingvoj neniam atingas la valoron de l' verkoj originale skribitaj kaj trovas nur escepte mencion en la propra literaturhistorio, ili formas kontraŭe ĉe ni la ĉefan parton de nia tuta libraro.

Alian gravan sekvon de tiu ĉi fakto ni ankaŭ ne devas forgesi. La historio de ĉiu nacilingva literaturo lasas sin dividi en kelkajn

interalie bone limigatajn partojn, per specialaj trajtoj karakterizitajn. Ni parolas ekzemple pri renesanco, ni parolas pri romanticismo, klasicismo, k. t. p. Multoblaj estas la kaŭzoj de tiuj apartaj literaturspecoj, sed ili estas plej ofte interligitaj kun la politika kaj sciença vivado de la koncerna epoko. Tio ĉi kontraŭe ne ekzistas en nia literaturo, unuparte, ĉar ni ne celas la kreigon de novaj literaturaj direktoj, sed ni nur elektas el aliaj jam de longe ekzistantaj literaturoj; aliparte, ĉar al ni tute mankas la premisoj necesaj por la evoluado de memstaraj literaturspecoj. Tio povas nur okazi interne de nacio, kiu posedas klare difinitajn landlimojn kaj povas konduki sendependan politikan vivon, sed ne en popolo Esperantista disigita ĉie sur la terglobo, kies anojn nur interligas la idealeco de ilia kredo.

* * *

Jen ni fine troviĝas antaŭ la lasta demando: pri la principoj, laŭ kiuj estas kunmetota la historio de nia literaturo. La solvo de tiu ĉi problemo ne estas sen malfacilaĵoj. Eĉ en lernolibroj pri sciencoj postulantaj severe sisteman ellaboron ni trovas diversan ordigon de la materialo laŭ la diversaj vidpunktoj sekvitaj de la verkistoj. Same ankaŭ en verkoj pri literaturhistorio estas rimarkebla tute alia partigo de la epokoj laŭ tio, se la aŭtoro deziris akcentigi pli tiun ĉi aŭ tiun karakterizon. Tiel estos sendube komprenebla, ke la samaj konsideroj valoras ankaŭ en nia aparta kazo.

Por la verkado de literaturhistorio oni povas elekti du metodojn:

1e la ideografia metodo, konsistanta en la sinsekva pritraktado de la diversaj literaturspecoj kaj de la ilin rilatantaj skriboproduktoj;

2e la sinkronika metodo, konzistanta en la kompleta ununura praktikado de ĉiu verkisto por si mem kaj en la kronologia prezentado de liaj verkoj.

La aplikado de la unua metodo al nia literaturo ŝajnas al mi, almenaŭ parte, neebla, ĉar tio ĉi devigus nin disŝiri en diversajn ĉapitrojn la priparoladon de kelkaj el niaj eminentaj aŭtoroj, kiuj eble en pli ol unu literatura direkto donis pruvojn de granda kapableco.

Tro laŭvorta procedo laŭ la dua metodo alvenigus nin kontraŭe al kronologie ordigita, kritika bibliografio de nia libraro, sed neniam al efektiva historio de nia literaturo.

Pro tio mi ankaŭ kredas, ke definitiva decido por unu aŭ la alia de la nomitaj metodoj ne povus prezenti al ni ian profiton; ilia kunlandigo (laŭbezona alternigo) laŭ la ecoj de l' prilaborata materialo estus multe pli konvena.

Al tio ni aldonu ankoraŭ fakton, kiun ni por la naciaj literaturoj ne bezonas konsideri. Mi venis supre al la ekkono, ke oni povus dividi nian tutan verkaron en du ĉefkategoriojn: verkoj tradukitaj kaj verkoj originale skribitaj. Kian influon sur la evoluado de la Esperanta literaturo tiuj ambaŭ specoj posedas, ni jam estas vidintaj. Kaj ĉiu facile komprenos, ke okaze de l' verkado de nia literaturhistorio oni certe ne povus neatenti ĉi tiun naturan partigon.

Sed mi ne intencas doni al la estonta historiisto de nia literaturo konsilojn pri la vojo sekvota.

En ĉiu scienca pritraktado oni devas tre zorge disigi la vere objektivajn konkludojn de la pure subjektivaj opinioj. La unua kategorio konzistas el tiuj faktoj aŭ asertoj, kiuj devas esti plimalpli akceptataj de ĉiuj kiel frukto de senpasia scienca meditado, kaj pro tio ankaŭ meritas esti ĝenerale disdonigataj. La subjektivaj opinioj kontraŭe, ankaŭ sub la formo de akcesoraj konkludoj de scienca parolado aŭ pritrakto, dependas ekskluzive de la juĝmaniero de l' verkanto, kaj kvankam certe ili rajtus esti priparolataj en tiacele aranĝita partikulara diskutado, ne povas postuli ian atenton en artikolo de intereso ĝenerala.

Tamen, spite la faritaj rimarkoj, tiu verkota historio devas nepre enhavi parton, indan jam nun je publika priparolo: la biografio de nia Majstro.

En li ni perdis ne nur geniulo-idealiston, sed bonegan, superegan verkiston. Finnlanda samideano, se mi ĝuste memoras, traktis jam la moralan devon de l' Esperantistaro prizorgi kompletan uniforman eldonon de la Zamenhofa verkaro. Sed mi ne kapablus imagi similan laboron sen ampleksa enkonduko pri la vivo kaj l' agado de l' aŭtoro. Tiam ankaŭ la kolekto fariĝus vera juvelo de nia literaturo, plej bela ornamo por la biblioteko de ĉiu konvinkita Esperantisto.

Amiko de nia lingvo jene komencigas malgrandan broŝuron temantan pri la vivo de la Majstro:[1] „Senmortulo mortis. Iris al la eterna paco heroo de l' batalo, ne heroo de l' milito. Ĉe lia ĉerko ne staris honorgardo de soldatoj, super lia tombo honoraj pafoj ne krakis, kiel nune ĉiutage super miloj da tomboj en la sangobanita Eŭropo. Neniam post ekzisto de l' mondo tiel multe da viroj valoraj mortis dum fermanta nun pli ol mil tagoj tiun morton, kiun oni nomas heroa. Kiu atentas en okazo simila simplan pacan batalanton por ĉiam meze de l' monda tumulto la okulojn malfortigitajn de sufero kaj penado, de senĉesa laboro?

„Kaj tamen, kiam de ĉiuj tomboj de l' falintoj en sanga batalo estos apenaŭ postsigno restinta, kiam la tempo estos jam pereiginta iliajn glortabulojn de marmoro kaj bronzo, oni ankoraŭ elparolas la nomon de Zamenhof kaj oni ĝin ĉirkaŭkronos per la laŭro neniam velkiĝanta de l' kreiga heroo de la paco."

Frazoj belegaj, vidigantaj la grandan moralan signifon de tiu viro bedaŭrinde ne plu estanta. La homaro jam de l' pratempoj kutimiĝis konsideri kiel granduloj la homojn, kiuj sin altrudis al ĝi per forto kaj ĝin superŝutis per sango. La pensulojn, kiuj provis levigi ĝian kulturan kaj homan nivelon, tre malmulte ĝi aŭskultis; ties ideoj estis plej ofte nur semoj falintaj sur sablon.

Aleksandro, Julio Cezaro, Napoleono kaj multaj, multaj aliaj fariĝis jam de longe la temo de skribaĵoj kaj verkoj. Sed kion ili faris entute? Certe neniu povas nei la grandan historian valoron akiritan de tiuj viroj per ilia eksterordinara energio, sed dum tuta la vivo ili nur celadis la plifortigon de sia politika potenco: ne por la bono de l' popoloj ili fluigis torentojn da sango, sed ekskluzive pro kaŭzoj de persona ambicio; nenio estis por ili pli sankta ol la propra egoismo. Kaj ĉu eble en la „civilizita" dudeka jarcento la homoj estas aliaj?

Aliflanke ni havas la simplan, humilan figuron de Zamenhof: Li, kiu, kvankam estante kreinto de la lingvo, nenian rajton volis konservi pri ĝi, li, kiu, ne konante egoismon, tutan sian vivon dediĉis al efektivigo de nobla, porhoma idealo! Ĉu viro simila ne meritas la saman honoron kiel la nomitaj grandaj generaloj de l' estinteco? Ĉu li ankaŭ ne havos sian propran biografion?[2]

Je la fino de mia babilado mi faru ankoraŭ la sekvantan proponon:

La tuta samideanaro havus sendube tre grandan intereson, ke la verko, pri kiu mi parolis, fariĝu vere laŭscienca eldonaĵo kaj ne unuflanka laboro de sola persono. Ĉu do ne estus pli bone, konsiderante tiun fakton, elekti internacian Esperantan Literaturhistorian Komisionon kun la tasko ĝin aranĝi kaj poste redakti? Kio ne bone sukcesas al izolita verkanto, tion ni atingos per unuigitaj klopodoj! Ĉiu membro de la dirita komisiono estus devigata ellabori ian parton de nia literaturo, laŭ metodo antaŭe pristudota kaj difinota de la Centra Komitato de tiu komisiono, kiu devus poste kolekti kaj eldoni en unu verko la liveritajn monografiojn. Simila dispecigo de la verko estus tre inda garantio por la akurateco kaj seriozeco de la tuta laboro. Por pli bona orientado de ĉiuj kunlaborantoj estus tre rekomendinda la eldonado de intermita oficiala sciigilo, prizorgata de esperanta gazeto. Certe, la nuna tempo kun siaj multflankaj malfacilaĵoj ne ŝajnas taŭga por la akceligo de tiuspeca institucio. Sed ni povus interdume organizi la tutan laboron! Kaj fine, la natura disvolviĝo de l' okazaĵoj portos ankaŭ kun si plibonigon de l' vivaj kondiĉoj. Ke ni tiam povu ekkrii: Ni estas jam pretaj!

*F. Glaser.*

[1] Heinrich Nienkamp: Dr. Zamenhof, der Schöpfer des Esperanto. Ader & Borel, Dresden, 1917.

[2] Depost la skribo de tiu ĉi artikolo la Brita Esperanto-Asocio eldonis novan verkon de D-ro Privat: „Vivo de Zamenhof", kiu jus aperis. — *(Red.)*

# La kongresaj festoj de la XIIa

La raporto pri la granda kaj sukcesa laboro de la internacia kongreso en Hago prenis tiom da spaco en nia lasta numero, ke ni povas nur hodiaŭ raporti pri la amuzajoj ĝuitaj de la kongresanoj post la longaj kunsidoj.

Lunde okazis granda koncerto de la arĉorkestro „Euterpe“ en la bela Reĝa Teatro. Ĝi komencis per la Esperanta Himno, ĥore kantita de ĉiuj ĉeestantoj. Unu post la aliaj aŭdiĝis la ravaj voĉoj de F-ino C. Huijsman, soprano, de S-ro Ari Vadèsta, baritono, kaj la agrablaj melodioj de S-ro Th. van der Jas kaj A. Coenen sur fortepiano kaj S-ro W. van den Burg sur violonĉelo. La orkestro, sub direktado de S-ro J. van den Burg, ankaŭ ĉarmis la aŭdantaron, kiu plurfoje montris sian aprobon per ripetita aplaŭdado. Elirante el la koncertejo pli ol unu kongresano laŭmemore kantetis iun aman kanton aŭ la gajan „Ruztrompita Birdokaptisto“ de C. v. Rennes:

Kåptisto de birdoj en gaja humor'
Forirls arbaron en tre frua hor'.

Marde kunvenis la kongresanoj ĉe parolado de S-ro Pitlik, kiu per spritaj vortoj kaj belaj lumbildoj logis multajn ĉeesti la XIIIan Kongreson en Praha.

Posttagmeze tra la Haga arbaro, unu el la plej belaj de Eŭropo, promenadis la samideanoj kaj vizitis meze de ĝi la faman palacon de la reĝa familio „Huis ten Bosch“.

Je la 6a ĉe la „Roomhuis“ okazis komuna festeno. Dum kaj post la manĝo ne mankis paroladoj, deklamadoj, kantoj kaj senĉesa babilado.

Merkredo estis la tago dediĉita al la teatra prezentado. Grupo de talentaj kvankam ne profesiaj aktoroj ludis dramon „Juĝa kunsido en 1813“ kaj komedion „Muzikvespero en 1813“ ambaŭ de F-ino J. Pabst. Tiuj teatrajoj montris sub malsamaj aspektoj la nederlandan vivon dum tiuj maltrankvilaj tempoj. F-ino W. Wessels, kiu ludis la ĉefan rolon, meritis specialan dankon kiel reĝisorino, kaj F-ino Boon gajnis ankaŭ ĝeneralan dankemon por sia sindona kaj senlaca helpo al ĉiuj.

Tiu plia pruvo de la taŭgeco de Esperanto sur la scenejo tre impresis la ĉeestantojn. Tondro de aplaŭdoj rekompensis la aktorojn, kaj la ĉeestantaro kantis la Esperantan himnon antaŭ la disiĝo.

Vizito de la Pacpalaco okazis ĵaŭde. Estas dubinde, ĉu la Pacpalaco havis antaŭe tiom da sinceraj pacamantoj inter siaj muroj kiel tiun tagon! almenaŭ ĉi tiuj povis amike interparoli sen bezono de interpretistoj, kaj la komuna sento resumiĝis en vortoj de S-ro Page „Hodiaŭ por la unuan fojon la Pacpalaco aŭdis la lingvon de la Paco“.

Ĉe la eliro atendis seso de tramveturiloj, gaje ornamitaj de la Hagaj Esperantistaj tramistoj per flagoj kaj verdaj steloj. La kongresistoj povis tiel vidi sen laciĝo la diversajn partojn de la urbo.

Vespere okazis la tradicia Balo tiel ŝatata de la dancemaj Esperantistoj. En la salonego de la Zoologia Ĝardeno, sub fluo da lumo kaj sorĉa muziko, moviĝadis la paroj. Sed verdire ... io estas ŝanĝita en nia movado: la frenezaj fantaziaj kostumoj, kiuj tiom ridindigis niajn balojn malaperis: ne plu estas nigruloj el Londono, ruĝhaŭtuloj el Parizo aŭ reviviĝintaj Shakespeare'uloj. Fine la Esperantistaro revenis al sanaj ideoj kaj alportis nur siajn naciajn kostumojn laŭ la bona regulo propaganda.

Kun la risko eble forgesi iun, pri kio ni petus antaŭe pardonon, ni menciu la jenajn nacivestitajn dancantojn, kiuj havis tre grandan sukceson de admiro: S-ro Laquer en hungara kostumo kun mirigaj botoj; F-ino Asplund en tre plaĉa sveda kostumo; Majoro Perogordo en lia blua uniformo; S-ino Isbrücker tre ĉarma en nederlanda kostumo de Marken kun kuto kaj pendantaj harligoj sur la brusto; S-ino Krestanoff, gracia en multkolore brodita bulgara silkaĵo; S-ino Farges, gaja kiel ĉiam, en sudfranca kostumo. Intertempe Ges-roj Applebaum kantigis novajn kantojn „Vivu la Verda Stel'“ kaj aliajn. Geknaboj holandaj en nacia kostumo kun lignaj ŝuoj dancis kaj havis sukcesegon. Dume grupo de nedancemuloj rifuĝintaj apud la orkestro senĉese diskutis plej serioze la problemojn de la organizado en la Esperanta movado. Dum la noktmanĝo S-ro Isbrücker petis, ke ĉiu ĉeestanto parolu frazon en sia nacia lingvo. Por multaj estis malofte aŭskulti finnan, kimran, irlandan lingvon. Ĝis la dua matene la internaciaj paroj senlace dancis la malnovajn kaj modernajn dancojn.

La morgaŭon matene ili tamen frue leviĝis por renkontiĝo al la stacidomo por ekskurso al Leiden. Tie ili vizitis la malnovan universitatan urbon. Tagmeze la samideanoj enŝipiĝis por ekskurso al la Kager kaj Brasemeer-lagoj. Estis belega vetero, kaj estis amuze por la fremduloj, vidi la pontojn sin levi dum la gardisto etendis al la ŝipestro saketon fiksitan ĉe la fino de stango por ricevi la pontimpoŝteto. Ĉu oni povas malkaŝi, ke kelkaj dancemuloj aŭ diskutemuloj, lulitaj de la ŝipo, endormiĝis dum la silenta naĝado de la ŝipo?

Vespere, post reveno en Hago, la kongresanoj iris admiri ... sin mem en kinematografejo. Oni filmigis la eliron de la pacpalaco.

Sabato, lasta tago de la kongreso, okazis lumbilda parolado de S-ro Ivan Krestanoff pri Bulgario. Li montris naturvidindaĵojn, naciajn kostumojn, monumentojn de lia ankoraŭ tro malmulte konata lando.

Fine, sabate okazis en la Akceptejo-Babilejo adiaŭan kunvenon, kiu tre malfrue finis. Ni devas gratuli la organizintojn de la babilejo, kiu estis tre komforta, provizita je papero, inko kaj eĉ bufedo. Espereble la estontaj kongresoj akceptos la Hagan sistemon.

Dum la daŭro de la Kongreso multaj samideanoj vizitis la belan marbordon en Scheveningen, la Galerio de Pentrajoj „Mauritshuis“ kaj aliaj vidindaĵoj. Kelkaj vizitis post la kongreso Rotterdam, Amsterdam kaj aliaj urboj de Nederlando. Granda parto vizitis Rotterdam kaj ĝiaj havenojn sub la konduko de S-ro Pakker. Ni tre bedaŭras, ke niaj aziaj samideanoj ne havis ŝancon: S-ro Ahmed Jazdani, kiu venis Nederlandon ne longe antaŭ la kongreso, devis reiri al Persio unu tagon antaŭ la malfermo; niaj japanaj samideanoj Ges-roj Fuŝizaŭa alvenis la lastan tagon. Estas vere domaĝe, ke S-ro Fuŝizaŭa ne povis diri sian paroladon pri „Nova Japanio“, kaj ke la balo ne havis kiel ĉeestantinon lian edzinon, kiu por tiu celo estis kunpreninta belegan japanan „kimonon“.

La Esperantistaro ŝuldas multajn dankojn al la tiel modestaj sed energiaj organizintoj de nia XIIa.

*Ubikuitulo.*

## Al la Delegitoj de nia XIIa Kongreso

*Karaj Geamikoj!*

Afable mi petas vin, ke, se vi faras en viaj enlandaj Esperantaj Gazetoj raporton pri la teatraprezentado, kiu okazis la 13 aŭgusto, vi sendu al ni, se eble 20 ekzemplerojn de ĉiu organo. La

Holandaj raportistoj ĝenerale nur tre supraĵe kaj malvarme raportis pri tiu vespero; agrable do estus al mi se ni al la plej gravaj aktoroj, kiuj *tute sindoneme* helpis nin por sukcesigi nian kongreson, povus sendi *vian* raporton, por ke ili povu legi kian impreson la prezentado al la kongresanoj mem faris.

Volonte mi pagos por la sendotaĵo. Amike via kunlaborantino.

*Nella Boon*, Kranenburgweg 9 d, *Haag*.

---

# La nova statuto de UEA

Baldaŭ la projekto de nova statuto estos submetata al la voĉdonado de la Delegitoj kaj fariĝos, post akcepto, la leĝo de la Esperantianoj. La tekston ricevos la Delegitoj, plie la membroj, kiuj ĝin speciale petas.[1] Poste ĝi aperos en la jarlibro 1921. Eĉ se baldaŭ efektiviĝus la kongresa deziro pri nova organizo de la Esperantistaro, estos por ĝi plej utila, se en nia regrupiĝinta Asocio ĝi trovos la fortikan kaj larĝan bazon por estontaj superkonstruoj. Plie ja daŭros la bezonoj, por kiuj UEA estis fondita, kaj ni faros servon al la nova organizaĵo transdonante al ĝi pretan regularon pri kunigo de membroj kaj uzado de la lingvo, starigita konforme al dekjara praktiko.

Nia ĝisnuna statuto de 1910/1912 neplu respondas al la bezonoj. Projekto prezentota al la Pariza Kongreso ne povis esti diskutata, intertempe ŝanĝis la cirkonstancoj, tial la subskribinto verkis novan tekston por la kongreso en Hago. Aprobita kun malmultaj ŝanĝoj, tiu teksto eztis denove prilaborita konforme al la dumkongresaj impresoj, kaj fine studita kaj formale akceptita de la Komitato.

Kvankam la ĉefaj trajtoj de nia organizo similas al tiuj de multaj aliaj societoj, UEA devas forigi aŭ ĉirkaŭiri specialajn malhelpojn: preskaŭ la tuta agado estas libervola, dum por fari la servojn kaj eviti malbonuzojn, ni devas havi fortan disciplinon; ni laboras kun plej diversaj landoj, je kutimoj kaj leĝoj malsamaj, kaj devas konservi la unuecon de la procedoj; ĉiuj rilatoj estas skribaj, sekve multe da laboro kaj ebleco de komplikaĵoj; ni nenion gajnas, nek volas profiti, kaj spezas grandajn sumojn da mono; ni rekomendas la uzadon de Esperanto por ĉiuj ajn honestaj celoj, dum la Asocio mem restas religie kaj politike neŭtrala, k. t. p. Nia plej granda forto ĉiam restos la esperanta sento kaj la sindonemo de la membroj, povoj ne kaptigeblaj per reguloj. Sed regulojn ni bezonas por la administrado, kaj skribaj principoj efektivigitaj en formo de servoj allogos la homojn praktikemajn, kiuj dank' al la Esperantistaj rilatoj iom post iom eksentos la internan ideon.

La kongreso, okaze eĉ pli detalema ol la verkinto, konsentis, ke la statuto enhavu ĉiujn regulojn ĝenerale fikseblajn kaj utilaj al la funkciado de la Asocio. Tial ĝi fariĝis iom longa, malboneco pli ol egalbalancita per la estonta foresto de aldonitaj administraj regularoj, kiuj ĝis nun malfaciligis la komprenon de la organizo. Ni ankaŭ ne timis okazajn ripetojn, klopodinte fari el ĉiu ĉapitro tutaĵon, en kiu troviĝas ĉio, kion oni kutime bezonas. Diversaj precizigoj montriĝis necesaj por adapti la statuton al la svisa leĝo, aliajn ni fiksis por eviti la ne maloftajn demandojn pri kompetentecoj, procedoj, k. t. p. Pri ili silentis la ĝisnuna statuto, kaj ne estis plezuro por la Direktoro decidi laŭ propra bontrovo. Dum la nova statuto plifortigas la kadron de la konstruaĵo, ĝi estas notinde pli simpla, kompare kun la ĝisnuna, en tio ke ĝi ordonas malplimulte. Ekzemple la distrikta organizo, la skriba elekto de la Delegitoj, la regionaj kasoj, antaŭe devigaj, estas nun konsiderataj kiel nura ebleco. Ni konstruu laŭ fiksa plano, sed ne ĉion samtempe.

* * *

En la *ĉapitro I, Celoj kaj Principoj,* troviĝas, kiel unua celo konforme al deziro de la kongreso: „Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto.“ La aliaj celoj estas la samaj kiel nun. Poste sekvas diversaj administraĵoj pri sidejo, tempolimoj, nerespondeco de la membroj por la ŝuldoj, k. t. p.

*Ĉapitro II: Membroj, Fakoj, Entreprenoj, Societoj.* Restas la kutimaj klasoj de: Membroj, membroj-abonantoj, subtenantoj, dumvivaj kaj honoraj, kun proksimume la ĝisnunaj rajtoj kaj devoj. La monsumo de la kotizoj ne plu troviĝas en la teksto, por ke iama ŝanĝo (kiun ni ne intencas nuntempe) ne necesigu ankaŭ ŝanĝi la statuton. La kotizojn fiksos, kiel nun, la voĉdonado de la Delegitoj. La statuto ankaŭ diras, ke, escepte la kotizo kaj eblaj enirpagoj por festoj, la membroj ne povas esti devigataj pagi pliajn sumojn por la bezonoj de la Asocio. Por la aliĝo de novaj membroj estas rezervata modesta kontrolrajto de la Delegitoj kaj de la Direktoro, por ke ili havu la povon malakcepti ne-dezirindajn personojn. Tri membroj, ne kontentaj pri rifuzo de kanditato, rajtas plendi al la Prezidanto.

La senco de la esprimo *Fako* ŝanĝis diversfoje en UEA. Antaŭ multaj jaroj Fako estis parto de la administrado, el kie restis la stampoj „administra“ aŭ „financa“ fako, ĝis hodiaŭ malkorekte uzitaj. Laŭ ĝisnuna statuto, estas Fako ia profesia aŭ ideala societo kun minimume 50 Esperantianoj, sekve ankaŭ enhavanta ne-membrojn; laŭ la praktiko la Interŝanĝa Fako estis teorie iom sendependa, fakte de la C. O. administrata servo al membroj, kiuj promesis respondi kaj pagi specialan kotizon. Samspece, sed preskaŭ nur sur la papero, vivetis iam virina, studenta kaj laborista fakoj.

La nova statuto difinas, ke estas Fako„ organizita grupiĝo de Esperantianoj, kiuj volas plivigligi la rilatojn inter si por Esperantistaj, profesiaj aŭ aliaj ne kontraŭstatutaj celoj.“ Ili organizas sin mem, sub kontrolo de la Komisiono, kiu ankaŭ rajtas ilin fermi, se ili ne taŭgas. Ĉiuj fakanoj do devas esti membroj; iliaj celoj konformiĝu al la neŭtraleco de la Asocio. Ni scias, ke esperantistaj societoj tre ŝatindaj dezirus aliĝi kiel Fakoj, ne povantaj plenumi tiujn kondiĉojn. Tamen restas la fakto ke duonaj membroj pagantaj fakan (sed ne membran) kotizon, malklarigas la tutan organizon, kaj ke daŭre ne povos prosperi en neŭtrala Asocio, iaj suborganizaĵoj kun kontraŭaj tendencoj religiaj, socialaj, aŭ politikaj.

Por la rilatoj kun tiaj societoj, la statuto nun rajtigas la Komisionon fari interkonsentojn pri komuna agado, interŝanĝo de servoj, k. t. p. Tiel restos konservata la necesa sendependeco, dum per reciproka helpado oni esprimos la esperantistan solidarecon.

La „Esperantiaj Asocioj“, malnova malpraktikaĵo, estas forigataj. Al la „Esperantiaj Entreprenoj“ oni donis la ĝustan lokon: ili ĝuas diversajn favorojn, sed ne estas membroj. Estonte nia Asocio do nur konsistos el membroj personaj, tio rektigas la tutan konstruaĵon kaj evitigas, ke servoj estu postuleblaj de personoj malproksimaj je niaj ideoj.

* * *

Ankaŭ la *Ĉapitro III, Delegitoj kaj Vicdelegitoj,* montras simpligojn. Restas oficiale nur la Delegito kun Vicdelegito, la Ĉefdelegito kaj anstataŭanto. For estas la konsuloj, kun ilia titolo ofte kritikata. Kiam ni bezonos kelkajn fakajn reprezentantojn, sufiĉos tiam kreota titolo, kiel ekz. Komerca Delegito aŭ Komerca Reprezentanto. For estas la siatempaj Subdelegitoj, kiuj kaŭzis penon kaj malcertecon en la Jar-

[1] Sendante du respondkuponojn.

libro; apenaŭ presitaj, ili jam ŝanĝis aŭ estis neplu troveblaj. De nun estos en „ĉiu loko, grava pro sia grando, siaj komercaj aŭ turismaj rilatoj“ Delegito kaj Vicdelegito, kaj la Delegito povas nomi, sub sia respondeco, *Agentojn* aŭ *Helpantojn*, kiuj ne havas oficialan rolon. Entute la rajtoj kaj devoj de la Delegitoj restis la samaj. Ni klare esprimis ke „la Delegiteco estas honora ofico“, dezirantaj protekti la Delegitojn kontraŭ altrudemaj membroj. La loka kaso neniel estas deviga, kaj la elekto de la Delegito skriba nur se oni tion postulas. Anstataŭ la diferenco inter voĉrajtaj Delegitoj, kun 20 membroj, kaj aliaj, la voĉdonrajto estas nun tiel ordigata: Se estas nur 9 membroj en iu loko, la Delegito estas elektata de la Direktoro. Se estas plimulte, elektas lin la membroj. En la Delegita voĉdonado ĉiu Delegito havas unu voĉon, sed Delegitoj elektitaj de la membroj havas 2 voĉojn en lokoj kun 10 ĝis 19 membroj, 3 voĉojn de 20 ĝis 29, k. t. p. La Delegito mem, ankaŭ estante membro, kunkalkulas en tiuj nombroj. Tiamaniere la Delegitoj elektitaj de la Direktoro ricevis rajton, kiu ĝis nun mankis al ili, kaj tamen ilia rajto ne egalas tiun de la Delegitoj, kiuj eliris el la pli demokrata elektprocedo en membra kunveno.

Plej multe estis ŝanĝita la „distrikta“ organizo, anstataŭ kiu nun troviĝas en ĉapitro III ses artikoloj pri la „*Ĉefdelegito*“. Oni difinas *Teritoriojn*, iom pli grandaj ol la ĝisnunaj distriktoj, kaj nur tie, kie estas bezono. Ilia reprezentanto nomiĝas Ĉefdelegito, kiu laŭ la cirkonstancoj havas taskojn administrajn, ekz. en grandurbo, aŭ propagandajn, en landoj kie UEA estas malforte reprezentata. Elektas lin kaj lian anstataŭanton ĉu la Komisiono, ĉu la Delegitoj, se estas en teritorio almenaŭ 15 Delegitoj kune reprezentantaj minimume 75 membrojn. La teritoria kunveno similas al la antaŭa distrikta kunveno, ĝia procedo estas pli klare difinita.

Novaĵo estas la teritoria „*Sekretario*“, elektita de la Ĉefdelegito kaj de la Direktoro. Tiu sekretario, laŭeble pagata el fondota teritoria kaso, malŝarĝigas la Delegitojn kaj la Centran Oficejon, farante parton de la servoj, kelkajn laborojn por la Oficejo, k. t. p. Estus tre dezirinde krei tiajn modestajn filiojn de la C. Oficejo en la grandurboj, sed ni konfesas, ke la realigo dependas de monrimedoj ankoraŭ ne trovitaj. Eble sin oferos samideanoj pretaj akcepti tiun utilegan oficon senpage, eble tiu malcentrigo de la administrado vekos la intereson de bonfarantoj, kiuj oferos monon por starigi Esperantistan agadcentron en sia lando. Tiu ĉapitro finas per artikolo pri teritoriaj kasoj, laŭvole fondotaj, sed submetataj al certaj reguloj, se ili estos plenigataj el parto de la Delegitaj procentaĵoj.

La funkciadon de UEA montras la jena tabelo:

| *Agado*: | Elektantoj | Reprezentanto | Administranto | Ofico | Kaso |
|---|---|---|---|---|---|
| Loka: | Membroj | Delegito | (helpanto) | (bonvola) | (ne oficiala) |
| Teritoria: | Delegitoj | Ĉefdelegito | Sekretario | iom pagata | parte oficiala |
| Internacia: | Komitato | Prezidanto | C. Oficejo | profesia | oficiala |

Ĉefe gravas la agado loka, direktata de la C. Oficejo. La teritoria organizo estos komence nur starigata en grandurboj, en ĝisnunaj distriktoj bone funkciintaj, kies Delegitoj deziras ĝin, kaj eble en kelkaj malproksimaj landoj. Administrantoj nur estas necesaj, se la kutima reprezentanto vere neplu povas fari la laboron mem. Sekve la Delegitoj ne elektu Helpantojn sen bonaj motivoj, nek oni povu krei teritoriajn sekretariejojn kie mankas la rimedoj.

*Ĉapitro IV*: „*Centra Organizo*“ konfidas la ĝeneralan gvidadon de UEA al *Komitato* de 15—20 membroj. Jam en la lasta numero ni klarigis kial Komitato pli multnombra ol la ĝisnuna rekomendiĝas. Por ke la diversaj landoj estu korekte reprezentataj, la funkcianta Komitato fiksos antaŭ ĉiu trijara elektado kiom da lokoj en la nova Komitato estu rezervataj al ĉiu lando aŭ grupo de landoj. La elektado fariĝas kiel ĝis nun, do internacie, per ĉiuj Delegitoj. Poste la Komitato elektas la Prezidanton kaj Vicprezidanton de UEA, la Direktoron kaj Redaktoron. Plie ĝi elektas el siaj membroj *Komisionon*, konsistanta el 5 aŭ el 7 personoj, kiu sin okupos pri la administraj gravaĵoj.

De sia kutima modesteco kaj demokrateco UEA ne volas deflankiĝi, tamen montriĝis ofte, ke okaze de festoj, de vizitoj ĉe parlamentoj aŭ ĉe registaroj k. t. p. la morala helpo de bone konataj personoj efikas pli multe ol niaj pruvoj pri la taŭgeco de la lingvo. Tial la statuto donas la titolon de *Honoraj Reprezentantoj* al „personoj, elektitaj por tri jaroj de la Komisiono, kiuj pro sia sperto, aŭtoritateco aŭ socia pozicio povas utili al la Asocio“. La elekto flanke de la Komisiono, la postulo, ke ili pagu la kotizon kiel unua pruvo de ilia intereso por UEA, kaj ebleco ne reelekti ilin se ili ne agis, sufiĉe garantias, ke tiuj honoraj reprezentantoj ne fariĝos multnombra korpuso, kiu altiros la honorojn al si, lasante la laboron al la Delegitoj. Pri la efektiviĝo internacia, la Komisiono demandos la opinion de la Komitato. Ni ankaŭ esperas, ke tiu vojeto faciligos la alproksimiĝon al la Ligo de la nacioj en Ĝenevo.

La reguloj pri „*Kongreso*“ restas kiel antaŭe, ankaŭ tiu pri la „*Centra Oficejo*“ estas proksimume la samaj. La rajto je subskribo kaj aliaj detaloj estas precizigitaj. Por havi plian liberecon, ni antaŭvidas la oficon de „*Ĝenerala Sekretario*“ funkcianta kiel oficejestro, se momente sperta Direktoro aŭ Vicdirektoro ne estas trovebla.

Tri artikoloj: *Oficiala Gazeto* koncernas la ĵurnalon „Esperanto“, kiu fariĝis propraĵo de UEA. Redaktoro, elektita de la Komitato, ĝin tute aŭ parte skribas, kaj la Direktoro ĝin administras. Ebla profito el la gazeto estos uzata por ĝia plibonigo kaj favore de la kunlaborantoj kaj de la varbintoj de anoncoj aŭ abonoj. — La laborkondiĉojn kaj eblajn salajrojn de la funkciuloj elektitaj de la Komitato fiksas la Komisiono, por ke ili povu esti facile adaptataj al la cirkonstancoj: la kareco de la vivo (kaj la malpleneco de nia kaso).

* * *

La *ĉapitro V*: *Administrado* pritraktas la financojn, la proponojn kaj voĉdonojn, kaj la plendojn. Malgraŭ nia malriĉeco, oni tute ne kredu, ke la interesoj el la heredaĵo de S-ro Hodler nuntempe egaligas la deficitojn; laŭcela divido de nia havaĵo estas konsilinda. La statuto citas: la centran kason, la kasojn de la teritorioj kaj de la fakoj, la garantian kapitalon kaj la asocian kapitalon. La centra kaso administras laŭ komerca metodo la kutimajn spezojn, el kies aktiva parto UEA devus vivi, dum la asocia kapitalo, konsistanta el la supra heredaĵo kaj gravaj donacoj Esperantaj, ludas nuntempe la rolon de la bona onklo, kiu pagas la ŝuldojn. La Garantia Kapitalo, jam multe helpinta, devas resti kelkajn jarojn netuŝita; la teritoriaj kaj fakaj kasoj estas eblecoj. En diversaj reguloj pri kurzoj, monsendo k. t. p. vidiĝas la influo de la nuna epoko.

La parto pri „Proponoj kaj Voĉdonoj“ antaŭvidas eblan ĝeneralan voĉdonadon de ĉiuj membroj. Plie ĝi enhavas detalojn pri la voĉdonado de la Delegitoj, la elekto de la Komitato, k. t. p., jam priparolitaj.

Sub „Plendoj“ oni trovas ankaŭ kelkajn regulojn pri eksigo de membroj. La spertuloj konas la neceson nin protekti kontraŭ personoj malindaj je la Asocio. Cetere la sola rimarko de kongresano pri tiuj artikoloj nur rilatis supozitan nesufiĉaĵon, do la teksto ne estas tro severa. Kiu miros, ke ni ankaŭ antaŭvidas la eksigon de „estintaj membroj“, tiu memoru la oftajn kazojn, kiam membro, flarante alproksimiĝantan forpelon, rapidege eksiĝas antaŭ la pluvo. Ĉar justa

skriba procedo bezonigas certan tempon, UEA devas rezervi al si la rajton formale konatigi sian malaprobon, eĉ se intertempe la kulpigito malmembriĝis.

*La VI-a* kaj lasta ĉapitro pritraktas la *Servojn*. Sekvante konsilon de S-ro Hodler ni enmetis sufiĉajn detalojn por ke fariĝu superflua aparta regularo pri la du servoj kutimaj: la informpetado kaj la helpo al vojaĝantoj. La ĝeneralaj kondiĉoj pri rajtoj kaj devoj, rilate servojn, estos ankaŭ aplikeblaj al aliaj servoj aŭ kreotaj fakoj. Sufiĉos meti la novan specialajon en la jam pretan kadron. Unu artikolo atentigas, ke atendi membrojn en stacidomoj, ilin promenigi, interŝanĝi poŝtmarkojn, ne estas *devo* de la Delegitoj. Dum la unuaj jaroj ni devis kvazaŭ eduki la Delegitojn, ke ili konscience faru la servojn; nuntempe ili entute laboras tre sindone, sed kelkaj membroj ekpostulas servojn ne seriozajn aŭ pli indajn je komisiisto ol je reprezentanto de asocio kun idealaj celoj.

Verkinte la statuton ni klopodis tiel lokigi ĉiun forton kaj laborvolon, ke ili harmonie kuniĝu al la maksima efiko. Tro vasta, tro bela ja estas nia tasko, ol ke ni rajtus malŝpari energion. Ni esperas, ke tiu leĝaro, vivigita per amika Esperantista spirito, gvidos nian karan Asocion al multaj sukcesoj.

*Ed. Stettler.*

---

# Nia venko en Bruselo

*(Kelkaj detaloj)*

Kiel mi anoncis en la julia numero de „Esperanto" Internacia Universitato estis kreata en Bruselo dum la dusemajna kongreso de la „Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj", kiu okazis en la belga ĉefurbo de la 5 ĝis la 20 septembro ... En tiu Internacia Universitato la „Centra Esperantista Oficejo" el Parizo starigis Esperantan Katedron, kiu tre bone sukcesis. Kvar paroladoj okazis: du en franca lingvo por klarigi la celon, la utilecon kaj la sciencaj principoj de Esperanto kaj du en nia lingvo: la unua pri „Aplikado de la Radiumo en la kuracado de la kancero", farita de D-ro Wanverts, profesoro en la Universitato de Lille; la dua pri „La Radiotelegrafado" farita de D-ro Pierre Corret el Versailles. Tiuĉi lasta parolado havis grandegan sukceson kaj fakte pruvis la taŭgecon de Esperanto por la priparolado de la teĥnikaj temoj.

Sed la plej grava sukceso por nia afero estis atingata en la kongreso mem de la internaciaj asocioj, el kiuj 112 estis reprezentataj apartenantaj al ĉiuj partoj de l' mondo. La unua sukceso estis la venko de Esperanto kontraŭ Esperantido de S-ro de Saussure, kiu intencis proponi al la kongreso la starigon de delegacio por la elekto definitiva de internacia helplingvo. La delegito de S-ro de Saussure, D-ro Guillaume, prezidanto de la Esperantida akademio, iris do al la kongreso kun la espero renkonti Esperantistojn kaj Idistojn, kiuj akre sin kontraŭstarus kaj al kiuj li prezentus sian lingvan projekton kiel nura rimedo por akordigi la du kampojn. Sed li renkontis nur esperantistojn krom unu idiston ... kiu aliĝis al Esperanto por ne plu malhelpi la rapidan solvon de la akcepto de internacia lingvo! En tiaj kondiĉoj la rolo de peranto, kiun Esperantido esperis ludi, estis tute senutila, kaj ĝia reprezentanto devis kliniĝi antaŭ Esperanto, kion, cetere, li faris grandanime. Rimarkindaj estis la modereco kaj la ĝentileco de la rilatoj inter la reprezentanto de Esperantido kaj la Esperantistoj, kiuj disiĝis tre amike post kiam ili estis verkintaj la deziresprimon prezentotan al la kongreso je l' nomo de la sekcio de la artefaritaj lingvoj. (Vidu paĝon 1.)

Kvankam la sekcio de la naciaj lingvoj estis proponinta la francan lingvon kiel helplingvo por la estontaj kongresoj, la kongresanoj, unuanime ... krom la proponinto de la franca lingvo, voĉdonis por Esperanto! Rimarkinde estas, ke la prezidanto de la kongreso, S-ro Senatano La Fontaine kaj la Ĝenerala Sekretario, S-ro Paul Otlet, Direktoro de la Internacia Instituto de Bibliografio en Bruselo, persone apogis nian proponon, deklaris sin konvinkitaj esperantistoj kaj instigis la ĉeestantojn lerni nian lingvon por ke dum la estontaj kongresoj oni parolu nur Esperante!

Jen ege kuraĝiga rezultato, kiu montras la favoron ĉiutage pligrandiĝantan, kiun la publiko montras por Esperanto!

*H. P.*

---

# DOKUMENTOJ

## Ministra dekreto por Esperanto

Nia fervora delegito S-ro Fritz Pfaff, instruisto en Worms (Germanio), sendas al ni la jenan tradukon de oficiala dekreto subskribita de la Instruada Ministro de Sudokcidenta Ŝtato Hessen. Ni gratulas niajn germanajn samideanojn pri tiu nova sukceso:

Hessisches Landesamt für das Bildungswesen
(Hessen'a landa oficejo por la klerigaj aferoj)
Al N. L. f. d. B. S. 18477.
Koncernas:
Mondhelplingvo Esperanto

*Darmstadt,* la 6 septembro 1920.

*Al la direkcioj de la pli altaj lernejoj, la direktoroj de la burĝaj lernejoj kaj la distriktaj lernejaj komisioj!*

La interpopola interkompreniĝado estas treege malfaciligata per la diverseco de la lingvoj. La lernado de fremdaj lingvoj helpas nur al partumo de ĉiu popolo trans la ekzistantaj fendegoj kaj ankaŭ tion nur al malmultaj unuopaj nacioj. Facile lernebla unueca mondhelplingvo male kreus baldaŭ fundon por ĝenerala kaj senpera interŝanĝo de ideoj inter ĉiuj popoloj de la tero. Nature ĝi neniam anstataŭos kaj ne celos anstataŭi la organe kreskintajn kulturlingvojn. Sed ĝi povas fariĝi kaj devas fariĝi apud ili ĝenerala unueca helpilo por la interkompreniĝo. En la estonto la celado al *neŭtrala* artefarita helplingvo ricevos ĉe ĉiuj internaciaj intertraktadoj — Ligo de la nacioj, arbitracia tribunalo, kongreso — ankoraŭ apartan signifon en la rajta batalado kontraŭ la kulture, politike kaj ekonomie malfidinda superrego de unu el la ekzistantaj naturaj naciaj lingvoj. Ke la solvo de la problemo estas tre malfacila, tio ne estu nekonsentata. Nin germanojn povas kuraĝigi, ke neniu alia ol nia granda Leibniz starigis al la kulturhomaro tiun grandan problemon jam antaŭ du jarcentoj. Bone pripensita kaj tre facile lernebla kiel ankaŭ tute belsona montriĝis la jam sufiĉe diskonigita Esperanto. Tial estas adresata al ĉiuj lernejoj de Hessen la postulo konstati, kiuj instruistoj kaj lernantoj jam estas okupiĝintaj pri Esperanto kaj se eble aranĝi pliajn provojn pri ne deviga instruado priesperanta ĉie, kie kapablaj instruantoj memvole estas emaj al tio kaj kie povas sin dediĉi al la lernado (sen troŝarĝiĝo) lernantoj kun bonaj lingvaj kapabloj. Pri la intereso eventuale troviĝanta en instruistaj rondoj kaj pri la spertoj faritaj en la priesperanta instruado ni atendas raportojn al la „Landesamt für Bildungswesen" je la fino de la instrua jaro.

*D-ro Strecker.*

## Registara Respondo

Nia samideano, S-ro O. Rieck, vicepoŝtdirektoro en Greifswald ricevis la jenan respondon de la ministro por Instruado en Prusio, sekve de petskribo adresita al tiu ministerio.

La Ministro por Scienco, Arto kaj Popola Instruado N-o 1133 U II. 1

Berlin W. 8, la 8an de Julio 1920.

*Al la petskribo de la 31-a de Majo de tiu ĉi jaro.*

Al la aspiroj, enkonduki Esperanton kiel universala helplingvo, mi nepre estas favora. Sed mi opinias, ke ankoraŭ ne alvenis la tempo enkonduki ĝin en la lernejojn per ordonoj de mi farotaj. Tamen kie ajn estos eble enkonduki Esperanton en la lernejojn, mi afable ekzamenos eventualajn proponojn kaj volonte helpos forigi malfacilaĵojn. Estos plej bone, ke antaŭ ĉio la Esperantaj societoj klarigu la gravecon de siaj klopodoj al la publiko kaj tiamaniere mem akcelu sian aferon. *Haenisch.*

## TRA LA GAZETARO

.·. „*Argentina Esperantisto*" (aprilo - majo) publikigas impresojn de samideano dum lia vojaĝo de Buenos-Aires al Usono

.·. „*La Unuigita Tuthomaro*" (julio kaj aŭgusto) enhavas kiel kutime artikolojn kun plej altaj idealaj celoj. La gazeto montras gravan progreson rilate la gramatikajn kaj pres-erarojn.

.·. „*Hispana Esperantisto*" (majo) reproduktas tri interesajn pentraĵojn de Julio Romero el Cordoba.

.·. „*Nova Tempo*" (junio - julio). — Pri glorado de milito kun interesaj eldiroj de la rusa pentristo Vereŝagin — La mizera stato de la scienco en Wien — Ludoviko Anzengruber, biografio. — La kortega poeto, rakonto.

.·. „*Esperanto Triumfonta*" (5 julio). — Serio da interesaj kaj variaj artikoloj kaj informoj — Bonega artikolo pri UEA, pri kiu ni tre dankas. La redaktoro fine venas al la konkludo, ke ĉiutaga gazeto esperanta ne estas nun ebla: la nuna esperantistaro estas tro malgranda, tro monpetata eĉ por ne Esp. entreprenoj kaj precipe mankas unueco. Ĉiu ja scias, ke UEA volas havi 5000 membrojn, kio ne estas ankoraŭ realigita!

.·. „*La Espero*" (majo-junio) raporto pri la jarkunveno de Sveda-Esperanto-Federacio — Artikolo pri la 50a datreveno de la naskiĝo de Paul Nylén, ĝia redaktoro. Jam en la jaro 1896 S-ro Nylén redaktis „Lingvo Internacia" en Upsala. Ni montru lin kiel ekzemplon al la Esp-istoj, kiuj eĉ post varma propagando aŭ longedaŭra tradukado por nia literaturo forlasas por ĉiam niajn vicojn.

.·. „*Franca Esperantisto*" (julio). — Esperanto kaj Telegrafio sen Fadenoj. — Plaidoyer de ministre, pri Esperanto, uniformigo de la peziloj, mezuriloj, monoj. — Konsiloj por la propagando. — L'Esperanto, organe d'exportation. — Lingvaj respondoj. — Tra la Esperanta Gazetaro.

.·. „*Esperantista Laboristo*" presas privatan interesan leteron de nia karmemora prezidanto. — Parolado „Pli alten ol sur la monto" de Han Ryner. — La Problemo de Irlando. — Venko — Socia movado en Francio.

.·. „*Esperanto-Praktiko*" (aŭg.-sept.) — N-ro tre interesa — Teksaĵoj (historio de la puntoj). — Pri la latina lingvo. — Tabelo de N. van Suchtelen. — K. a. Por germanparolantoj tiu gazeto estas nepre necesa por pliperfektiĝo en Esperanto.

.·. „*Esperanta Finnlando*" (junio kaj julio). Tiu bela riĉe ilustrita revuo daŭrigas publikigi interesajn artikolojn pri Finnlando (naturo, arto, industrio).

.·. „*Internacia Komerca Revuo*" (majo-junio). — Bonega gazeto, kiu povas esti prezentata al gravaj komercistoj pro ĝia seriozeco. Ĝi faros ĉiam bonan impreson. La Importo kaj Eksporto de Svedio dum aprilo 1920 — La metalŝpruca procedo Schoop — La komerca vivo en Hungario. — La internacia organizo de nia komerca movado. „Ni fakte ne vidas la necesecon fondi asocion de esp. komercoficistoj. Kontraŭe: Ni opinias, ke nia movado suferas pro stranga „organiza pasio!" Por ĉiu celo, por ĉiu ideo kaj por ĉiu penso oni devas fondi apartan organizaĵon aŭ servon kaj apartan gazeton. Kial? Ĉu nia movado vere estas tiel forta? Ne! Estas ja ĉiam la samaj personoj, kiuj respondas al tiaj „urĝaj alvokoj" kaj sencele elspezas sian monon. El tio rezultas la fakto, ke oni disigas la fortojn, anstataŭ koncentrigi ilin!"

Ne plene aprobas tiun konkludon.

.·. „*La Revuo Orienta*" (majo kaj junio). — Impresoj en Vladivostok de Ĉikao Fujisaŭa, tre interesaj pro ilia naiva malkaŝemo. Meĥanika Terminaro — S-ino Juja, klasika japana dramo — El Finnaj Poemoj k. t. p.

.·. „*Literaturo*" (N-o 5 kaj 6) daŭrigas la publikigon de „Sonĝo de Someromeza Nokto" de Sheakespeare. La aliaj verketoj ne estas tre interesaj. „Literaturo" povus elekti pli valorajn literaturaĵojn.

.·. „*La Studento*" (junio-julio) hektografita gazeto de la Pola Studenta Societo en Erie Pa. Propagandaj artikoloj por Esperanto. Bedaŭrinde du politikaj artikoloj enŝoviĝis.

.·. Aliaj gazetoj ricevitaj:

„*Juneco*" (Oppeln), „*La Eklezia Revuo*" (junio), „*Espero Katolika* (junio), *L'* „*Esperanto*" (majo-julio), „*Kalifornia folieto* (aprilo), „*Esperanto-Mitteilungen*" (julio), „*Esperanta-Ligilo*" (por blinduloj), „*La Verda Ombro*" (junio), „*Nederlanda Katoliko*" (julio), „*Nia Folieto* (junio), „*Brazila Esperantisto*" (marto), „*Bulgara Esperantisto*" (marto), „*Laboro*" (junio), „*Deutscher Arbeiter-Esperantist*" (aŭgusto), „*La Esperantisto*" (junio), „*Amerika Esperantisto*" (junio), „*Esperanta Itala Revuo*" (aprilo), „*Svisa Espero*" (majo), „*Nederland-Esperanto*" (29 julio), „*Germana Esperantisto*" (julio).

La jenaj naciaj gazetoj daŭrigas la publikigon de Esperanta fako: „*Közép Duna* (Budapest), *Auckland* „*Labour News*", „*Portugal Commercial e Industrial*", „*Neue Lodzer Zeitung*", „*Werdauer Tageblatt*".

La poeto Charles Baudouin verkis bonegan artikolon en „*Clarté*". En „*Le Mutilé*" E. Adam montras, kiel la nunaj viktimoj de 1914 ĝis 1919 pli bone sentus la krimon kaj la abomenon de la milito se pere de Esperanto ili interŝanĝus pensojn kun la eks-„malamikoj". Aperis artikoloj pri Esperanto aŭ UEA en: „*Messezeitung*" (Reichenberg), „*The West Australian*", „*Letras*" (Córdoba), „*Neues Werden*" (Berlin), „*Mainzer Journal*", „*Brandenburgische Schulzeitung*".

## TRA LA LIBRARO

**Esperanto u 33 Lekcije** (Esperanto en 33 lecionoj) **de** ***Stanislav Tomić***. Eldono de Kroata Esperantista Societo. 220 paĝoj, 13×18 cm. Prezo: 12 kronoj.

Tiu estas malprudentulo, kiu taksas aferon pri kiu li estas nesperta. Plena nescio de l' kroata lingvo postulas tamen tian senprudentan faron.

La apero de bona lernolibro en nova lingvo estas per si mem ĝojiga fakto; la nun priparolata disvastigu la internacian lingvon en nova ŝtato, kie tradicioj kaj rutino ne tiel baras la vojon al neduba progreso. Kiel fundan tekston, S-ro Tomić elektis la belan verkon: La Interrompita Kanto, de Eliza Orzeszko, tiel bone esperantigitan de Kabe. Ĉiu leciono enhavas kiel legaĵon parton de tiu rakonto; poste sekvas rilata vortkolekto, gramatikaj klarigoj, konversacia ekzerco kaj kroata traduko de l' legaĵo. Tiel oni bazas la instruon sur konkretaĵo laŭ la postuloj de l' pedagogio. Tiel ankaŭ la vera allogo de l' idilia temo instigas la lernanton al pluaj klopodoj. Iom post iom ĉiu regulo, ĉiu prefikso kaj sufikso, ĉiu apartaĵo de Esperanto estas siavice klarigata. En dua parto, la konversacioj ne plu rilatas al la legaĵo, sed al okazoj de l'ĉiutaga vivo, al praktikaj temoj kiel: komerco, vojaĝado, promeno tra urbo Zagreb, UEA, k. t. p. Ankaŭ la vortkolektoj malaperas; plena tra-

duko de l' legaĵo kaj de l' konversacioj ja sufiĉas. Fine en la lastaj lecionoj tiuj tradukoj ankaŭ estas forigataj, restas nur la Esperantaj tekstoj vice kun Kroataj klarigoj pri sintakso. Vortaro kun ĉiu radiko uzita en la libro finigas ĝin.

Entute la ampleksa verko estas tre bone aranĝita. Tute certe per ĝi inteligentulo facile ellernos nian lingvon. En la mano de lerta kursgvidanto ĝi estos ankaŭ bona instruilo. Ŝajnas, ke por nekleraj homoj mankas facila komenco kun simplaj frazoj kaj elementaj ekzercoj. Sed oni komune asertas, ke slavaj popolanoj tre facile ellernas fremdajn lingvojn; tial tiu rimarko estas eble malprava.

La Esperanta teksto (krom tiu de Kabe, kiu laŭdon ne plu bezonas) estas tre bona kaj la klarigantaj ekzemploj tre taŭgaj. Oni nur bedaŭros la multecon de l'preseraroj; kredeble malfacilaj cirkonstancoj tion kaŭzis, sed malbone impresas, ĉe malfermo da verko, kvarpaĝa listo da korektotaj eraroj; kaj ve! la listo tute ne estas plena! Lingveraro estas la esprimo „devata" anstataŭ „ŝuldata" en: „La Universitato devata al la agema spirito de Strossmajer", kaj nova vorto estas „keso" (ĉu mola fromaĝo?). La sufikso „to" por landnomoj estas note menciata.

La nova lernolibro por Kroatoj estas grava valora verko, originale elpensita; ĝi certe antaŭenigas la progresadon de nia lingvo en Jugoslavio. Por ni, ni eltiras el komparo inter la tekstoj Esperantaj kaj kroataj la konvinkon, ke ni estas privilegiuloj, eĉ en la lernado de Esperanto, kaj ke la provo forigi el nia lingvo kelke da radikoj, sonoj aŭ kutimoj pro ilia slava deveno, tiel ricevante tute latinidan dialekton, estas ne nur sensencaĵo, sed ankaŭ maljustaĵo. — *G. S.*

**Faka Vortareto № 1** (Provizora eldono). *Terminoj uzataj en la fabrikado de ombreloj.* Eldonaĵo de *Brita Literatura kaj Debata Societo.* Kvarpaĝa folio 13 × 19 cm. Prezo afrankite: 2½ pencoj aŭ 1 respondkupono.

La komitato de l' eldonanta societo decidis prepari fakajn vortaretojn; jen la unua provo. Ĝi ankaŭ anoncas tiajn por ŝuindustrio, teksaĵoj kaj vestaĵoj ellaborotaj helpe de aliilandaj spertaj fakaj samideanoj. Tiu laŭdinda entrepreno starigi teknikajn vortarojn estas certe pli utila ol senĉesa serĉado de lingvaj pliboniĝoj.

Unu paĝo montras desegnaĵon de ombrelo kun ĉiuj partoj signataj de literoj; la du aliaj donas la Esperantan nomaron de tiuj partoj kaj rilataj esprimoj, kun ilia angla traduko. — *G. S.*

**La Kvakerismo.** *T. Corder Catchpool.* 16 paĝoj, 12 × 18 cm. Prezo: 2 pencoj.

Subtitolo sciigas, ke tiu broŝureto estas mallonga skizo pri la historio kaj kredoj de la Religia Societo de Amikoj, populare nomataj „Kvakeroj". Efektive tiuj malmultaj paĝoj bone informas pri la deveno, la konvinkoj, la agado kaj la celo de tiu interesa simpatia movado.

Se nur ĉiuj studoj kaj propagandiloj Esperante redaktataj estus tiel korekte kaj elegante verkitaj; ilia lego fariĝus multe pli agrabla. Tiu de l' nuna broŝuro estas vera ĝuo, tiom klara kaj flua estas ĝia teksto pri temo tamen faka kaj nefacila. La nomo de l' verkinto aŭ tradukinto ne estas montrata, sed tiu tro modesta anonimulo meritas sinceran laŭdon.

Inter neoftaj vortoj estu citataj: ordiniĝo (anst. ordinacio), precedento (antaŭokazo), armistico (militpaŭzo); neoftaj formoj: farenda, koncerno; rekte derivitaj verboj, plaĉaj en stilo, sed eble ne tre precizaj: fronti, energii. — *G. S.*

**Cindrulino** kaj aliaj *Teatraĵetoj por la Infanoj,* de *Louise Briggs.* Londono, Brita Esperantista Asocio, 17, Hart Street, W C 1. 24 paĝoj, 14 × 21 cm. Prezo: 1 ŝilingo.

En la kvar teatraĵetoj titolitaj: Cindrulino, Neĝblankulino kaj la sep viretoj, La dormanta Belulino, Belulino kaj la Besto, la aŭtorino lerte aranĝis la rilatajn ĉie konatajn fabelojn por esti prezentataj de geknaboj. Tiuj porinfanaj drametoj plaĉos al la aktoretoj kiel al la geparencaj aŭdantaroj; ili estos bonega rimedo por, instruinte Esperanton al infanoj, kutimigi ilin al flua senpena parolo de nia lingvo. Tiel ankaŭ utilos la du vivaj monologoj por knabinoj: La perfido de Lilio, kaj La perdita rubando, ĉe l' fino de l' broŝuro.

La tuto estas nepre korekta kaj neniel riproĉinda laŭ lingva kaj laŭ presa vidpunktoj. — *G. S.*

**La Rozujo Ĉiumiljara.** *Mabel Wagnalls.* Tradukita de *Edward S. Payson,* Prezidanto Esperantista Asocio de Norda Ameriko. 48 paĝoj, 13 × 17 cm. Prezo: 35 cendoj.

La nova publikaĵo de S-ro Payson estas tiel bele eĉ lukse prezentita kiel la antaŭaj. Ĝi estas ornamata per du portretoj: ili montras al scivolema leganto la belajn trajtojn de l' aŭtorino, kiu favoris la Esperantan eldonon per speciala antaŭparolo, kaj la seriozan simpatian vizaĝon de l' nelacigebla tradukinto.

La kortuŝanta rakonto diras la vivon de arta modelulino, kiu pekŝerce pozas kiel Sankta Virgulino ĉe la fama miljara rozujo en Hildesheim, kiu estas tiel vidata de tuj mortonta monaĥo mirigata de l' por li neduba miraklo; kiu poste konfesas sian malrespektaĵon; kiu, konscia pri sia malindeco, forkuras de sia amanto, kaj per vivo humila, peniga, reakiras la perditan dignecon, samtempe kiel la internan feliĉon de purkonscienca kredanto.

Ne ĉiu havas grandan inklinon al la moraligemaj, iom ptaj, ĉiam bone finiĝantaj rakontoj, tiel ŝatataj en kelkaj anglolingvaj aŭ virinaj rondoj; sed inter ili, la historio de Joline, la pentinta pekulino, havas apartan emocian ĉarmon nerezisteblan dank' al sia simpleco, al taŭga elekto de l' sinsekvaj okazoj kaj de l' personoj.

Ekleginte, oni iras ĝisfine. Tion atingas nur bone verkitaj rakontoj. La traduko tute ne forigis tiujn kvalitojn; ĝi estas tute laŭdinda. Pri neceso de kelkaj vortoj, kiel: kontribui, sentimento, ekscentro, facile anstataŭeblaj per simplaj kunmetaĵoj, oni povus diskuti. Ankaŭ pri kelkaj senpere derivitaj verboj kiel: klaŭstri, pufi, maŝi, komforti, ofte ne tuj klaraj. Nur unu veran eraron mi ekvidis: „rastoli" anstataŭ la fundamentan „rasti". — *G. S.*

**Nia ĉiutaga pano** kaj ĝia influo sur la vivoj de la homoj. Kompilita kaj tradukita de *W. Wilson Trainer.* Dua eldono. 72 paĝoj, 10 × 18 cm. Prezo: 6 pencoj.

Tiu libreto estas aro de interesaj pensoj, eltiritaj el la verkoj de malnovaj kaj novaj aŭtoroj, filozofoj, sciencistoj aŭ famuloj. Tiu kolekto de diroj celas pruvi tridek-tri konsilojn rilatantajn al la elekto de niaj manĝaĵoj t. e. instigantajn ne nur al sindeteno de alkoholo aŭ aliaj venenaj ekscitigiloj, sed ankaŭ al absteno pri viando. Alidire la tuta verko estas pledado cetere lerte aranĝita por vegetarismo. Ĉar, laŭ la verkinto, la nutraĵo influas multe pli ol oni komune opinias ne nur nian sanon, sed nian intelektan vivon, vegetarismo estas grava socia demando. La partianoj de tiu doktrino elĉerpos el tiuj multaj pruvoj novan forton por sia kredo; la kontraŭuloj asertos, ke oni povus kolekti en la tutmonda antikva kaj moderna verkaro tiom imponantan citaron por rajtigi la homon pri nutriĝo per besta karno. Almenaŭ vegetaranoj estu prudentaj kaj apogu sin nur sur vere scienca argumentado, ĉar oftaj aludoj al hipnotismo, al sonĝo-antaŭdiroj, al religiaj ordonoj ne nepre vekas ĉies fidon.

La verko estas riĉa je fakaj sciencaj vortoj ĝenerale aprobindaj; sed ne tiaj estas la gramatikaj eraroj surprizigaj en dua eldono de verko, precipe ĉar la stilo estas krom tio ne sen valoro. Mi citos ekzemple la sekvantajn frazojn kun falsa uzo de l' refleksiva pronomo, de l' refleksiva adjektivo aŭ de l' akuzativo:

„Vi devas inklini *sin* antaŭen. — Mi ĉam *sin* trovis allogata. — Ili tre superis siajn malamikojn kiel militistoj kaj *sia* povo facile resaniĝi el el vundoj aŭ malsano estis mirinda. — Ĉiu sovaĝuloj estas kruelaj kaj ne estas sole *siaj* moraloj, kiuj instigas ilin tiamaniere; tiu ĉi krueleco devenas de *siaj* manĝoj. — Buĉita karno, estante stimulilo, ofte inklinigas personojn trouzi *iliajn* digestajn organojn, speciale tiuj, kiuj vivante malbone aŭ mallaboreme, okupas tro da *sian tempon* per manĝado."

Tiaj makuloj ne difektus libron, se oni kutimus, antaŭ ol presigi ĝin, ĝin legigi de kompetenta aliilanda servema samideano. — *G. S.*



# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco de nacieco, raso aŭ lingvo. Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon de fremdaj popoloj. Disvastigi la uzadon de la lingvo Esperanto. Krei internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj kaj entreprenoj, kies interesoj celas trans la limoj de ilia genta aŭ lingva teritorio. — UEA kunigas ĉiujn samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizajoj:** Membro: *5 Fr. Svisaj. (Belgio kaj Francio: 6 Fr. Britio: 4 sh. Germanio: 12 Mk. Hispanio: 5 Pes. Italio: 7 L. Nederlando: 2.50 Guld. Skandinavio: 3.50 Kr. Finnlando: 10 F. M. Aŭstrio kaj Hungario: 30 Kr. Ĉeĥoslovakio: 12 Kr. Jugoslavio: 20 Kr. Bulgario: 15 Lev. Polio: 12 Mk. Usono: 1 Doll.)*

Membro-Abonanto (*ricevas la gazeton*): *12.50 Fr. Svisaj. (Belgio kaj Francio: 15 Fr. Britio: 10 sh. Germanio: 30 Mk. Hispanio: 12.50 Pes. Italio: 17.50 L. Nederlando: 6.25 Guld. Skandinavio: 8.75 Kr. Finnlando: 25 F. M. Aŭstrio kaj Hungario: 75 Kr. Ĉeĥoslovakio: 30 Kr. Jugoslavio: 50 Kr. Bulgario: 37.50 Lev. Polio: 30 Mk. Usono: 2.50 Doll.)*

Membro-Subtenanto *(ricevas la gazeton): 25 Fr. Svisaj. (Naciaj prezoj: duoble pli ol membro-abonanto.)*

Membro dumviva *(kun la gazeto): 300 Fr. Svisaj.*

Esperantia Entrepreno *(komercaj firmoj, societoj, k. t. p.): 12.50 Fr. Svisaj. (Naciaj prezoj: same kiel membro-abonanto.) La Entreprenoj rajtas presigi 40-vortan anoncon en la Jarlibro*

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svisio). — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Poŝtĉeko: I 2310.*

**La nova sidejo de UEA.** — La membrojn de nia Asocio kaj ĉiujn Esperantistojn ni informas, ke de komenco de oktobro la oficiala sidejo de UEA troviĝas en *Genève, 12, Boulevard du Théâtre.* Zorga esploro de la situacio nin konvinkis, ke Ĝenevo, la centro de la ligo de la nacioj kaj de grandaj interŝtataj movadoj, estas laborloko al ni multe pli favora ol la ĝisnuna. Por ne perdi tempon, ni tuj petis kaj ricevis la konsenton de ĉiuj Komitatanoj. Oni bonvolu do sendi la korespondaĵojn al la supra adreso kaj senkulpigi la Oficejon, se la respondoj ne venos rapide. Malgraŭ ĉiu atento, tia transporto de la tuta havaĵo ja necese haltigis la kutiman laboron.

Fondita en Ĝenevo dum 1908, nia Asocio travivis tie dek jarojn da penado kaj prospero. Ĉar nun estas venkeblaj la malhelpoj, kiuj dum 1919 devigis nin translokiĝi al Bern, ni plezure reiras al la antaŭa urbo. Kun la farotaj elektoj kaj la nova statuto, tiu kvazaŭa rehejmiĝo esprimas nian intencon, havigi al UEA eble plej favorajn kondiĉojn por estonta prospero. Ĉiujn Esperantistojn ni afable petas, ke ili konservu sian intereson al nia Asocio en ĝia nova-malnova sidejo.

La provizora Prezidanto de UEA: *Ed. Stettler.*
La Ĝenerala Sekretario: *Hans Jakob.*

**Nova Komitato de UEA.** — Ni ricevis de S-ro A. Pitlik proponon pri kandidatoj por la nova komitato de UEA, kiun ni konigas al niaj membroj:

S-ro *Vojteĉh Kraus*, Del., kaj F-ino *Julie Ŝupiĉhova*, Del-ino, ambaŭ en Praha.

**Jarlibro 1920.** — De diversaj flankoj oni sendis al ni korektojn kaj sugestojn, kiujn ni laŭcele utiligos. Ni speciale dankas S-rojn Kurt Kauffmann, St. Kamaryt, A. Ulving, Ĉernohvostov, k. a. por iliaj informoj.

**Avizo.** — Pro la translokiĝo, diversaj partoj de la Oficiala Informilo ne povis esti kunmetitaj ĝustatempe; ili aperos en la venonta numero de „Esperanto".

# Esperantista Parolejo

### Oni laŭdas!

.·. S-ro *R. Richez* el Bern dankas S-ron F. Mathieux, Del. en Uccle (Belgio), pro plenumita servo.

.·. S-ro *Léon Agourtine* sincere dankas S-rojn Ploussu kaj Ledoux, Del. en Grenoble, pro ilia helpemo dum lia sesjara restado en tiu-ĉi urbo.

.·. S-ro *Joh. Gunia*, en Přivoz, Ĉeĥoslovakio, tutkore dankas S-rojn A. J. Gerards, A. Suering kaj al ĉiuj samideanoj en Deventer (Nederlando) pro ricevita pakaĵo de nutraĵoj.

.·. S-ro *Hetzel*, Del. en Philadelphia, sincere dankas S-ron Bramkamp, Del. en Hago, pro afable plenumita servo.

.·. S-ro *A. Venetianer*, membro en Miskolcz, dankas S-rojn Camescasse, Del. en Paris, Kretzschmann, Del. en Berlin, kaj la Esp. Oficejon Finnlandan pro plenumitaj informpetoj.

.·. Ges-roj *Krestanov* kore dankas S-ron F. Pakker, VD. en Rotterdam, Ges-rojn Ohlrichs en Amsterdam, S-ron P. Gottgetreu en Hannover kaj F-inon M. Küster en Magdeburg pro tre afablaj servoj dum postkongresa vojaĝo.

.·. S-ro *Andreo Ĉe*, Del. de UEA (Puj, Transsilvanio), kore dankas al S-roj Julio Lajos, Del. en Pécs, Rudolfo Thémes, Georgo Fejes, Esp-istoj en Pécs, kaj aparte al S-ro Alfredo Bambach, Del. en Temesvár, pro la kompleze faritaj valoraj servoj kaj agrabligo de restado en la nomitaj urboj.

.·. S-ro D-ro *C. R. Müller*, el Düsseldorf, dankas S-ron poŝtdirektoron Rieck pro la senlimaj servoj faritaj dum lia studado en Greifswald.

.·. S-ro *H. Himmelman*, Del. en Winnipeg, dankas S-rojn J. Martin kaj Griffith, membroj, kaj S-ron G. Lewis, Del. en Liverpool, pro ilia frata helpo dum vojaĝo de Nederlando al Kanado.

.·. S-ro *P. Kolev*, membro el Sofia, dankas al S-ro Pfanner, Del. en Genève, pro transsendo de mono alilanden.

.·. S-ro *H. Tutsch*, membro el Mähr. Schönberg, kore dankas S-ron S. R. Marshall, London, pro komerca servo.

.·. S-ro *M. Krajev*, el Rahova, en la nomo de 20 kunmilitkaptitoj bulgaraj en Ateno, kore dankas S-ron Nicolaev en Genève pro afable per UEA transsenditaj libroj.

.·. S-ro *Hermann Röhlich*, Del. en Gablonz, tutkore dankas S-ron G. de Souza Cunha, Del. en Alagoinhas, Brazilio, pro bone farita informo kaj klopodoj, per kiuj li helpis trovi, longe serĉitan onklon de S-ro Merganz.

.·. S-ro *G. Ĉernohvostov*, membro en Helsingfors, profunde dankas la Delegitinon Anna Tuschinski en Danzig, kiu fervore kaj zorgeme plenumis lian peton, persone havigínte utilajn informojn pri malaperinta amiko.

.·. S-ro *Tagliacozzo*, VD. en Roma, dankas S-ron B. Kötz, Del. en Leipzig, pro plenumita servo

.·. S-ro *Th. Audisio*, membro el Antibes, kore dankas S-ron Dannemuller, en Annecy, pro komerca servo.

.·. S-ro *R. Kreuz*, membro el Frankfurt am Main, dankas S-ron Steinhauer, VD. en Wien, pro rapide plenumita servo.

.·. La *Estlanda Esp. Unuiĝo „Espero"* en Tallin (Estonio) esprimas sian koran dankon al S-ro A. Villafranca, Del. de UEA en Buenos-Aires, kaj S-ro R. Streckfuss en Augsburg, pro la afabla abono de diversaj Esp. gazetoj por la unuiĝo.

.·. La *Provinca oficejo por protekto de Infanoj* dankas S-ro H. Bederlunger, Del. en Innsbruck, pro sukcesa helpo al infanoj traveturantaj por Hispanio.

.·. La *Messamt* (foiroficejo) de Frankfurt a. M. dankas al ĉiuj Delegitoj kaj membroj de UEA pro helpo ĉe le propagando foira.

## Statistikaj oficistoj!

La Statistikaj Oficejoj de la tuta mondo kutimas interŝanĝi siajn broŝurojn, demandilojn ktp. Por tiaj interrilatoj la utiligo de Esperanto ŝajnas atentinda. Tial mi deziras — provizore — ekrilati kun samprofesianoj aŭ kun personoj, kiuj siavice havas rilatojn kun tiaj aŭ kiuj povas doni statistikajn informojn.

*Hans Koch*,
Asistanto en la statist. Oficejo, Vic-Del. UEA,
*München* SO 2, Ringseisstr. 8/II.

## Al ĉiuj naciaj Societoj

Tre estimataj Samideanoj. — Ni konfirmas la ricevon de via konsento pri niaj samtempaj propagandaj planoj. Ĝis nun partoprenas: Britio, Danio, Finnlando, Estonio, Stirio, Nederlando kaj kelkaj grupoj en Italio.

Laŭ nia propono tiuj naciaj societoj petos iliajn grupojn fari la propagandon kiel notita paĝo 149 de la lasta N-ro de „Esperanto".

Ni insiste petas la neankoraŭ aliĝintajn naciajn societojn, ke ili ankaŭ partoprenu, por ke la sukceso estu des pli granda. Ni petas informi nin ĝis la 15a de oktobro, kiuj grupoj sukcesis malfermi kursojn ĉe la du unuaj kategorioj. Ni diskonigos la adresojn al la kursoj de la aliaj landoj. Antaŭen al komuna laboro.

Samideane
Germana Esperanto Asocio
*W. Ranft*, gvidanta prezidanto.

## Korespondo kun Hungario

Pro la ĝisnuna blokado kontraŭ Hungario la tieaj esperantistoj estis izolitaj de la mondo kaj sekve ne povis respondi al iliaj korespondantoj. Multaj poŝtajoj perdiĝis. La hungaraj esperantistoj petas la eksterlandajn samideanojn skribi denove. Hungara Esperanto Servo, Budapest VI. Hajos u. 15. II. 2. *P. Balkanyi.*

## Esperantistaj kuracistoj

Mi intencas fondi anstataŭ la ĉesinta „Voĉo de kuracistoj" novan Esperantan kuracistan revuon sub la titolo „Internacia medicina revuo". En ĉiuj medicinaj centroj de la mondo ni bezonas kunlaborantojn, kiuj sendus regule raportojn tradukitajn el la nacilingvaj medicinaj gazetoj. Tielmaniere nia revuo prezentus ĉiam plej bone la staton de la progreso medicina sur la tuta mondo. Por kiel eble plej baldaŭ realigi ĉi tiun aferon, mi petas urĝe ĉiujn kolegojn, kiuj deziras subteni per abono la revuon, sciigu min pri ilia intenco per simpla poŝtkarto, ke mi proksimume sciu la nombron de la estontaj abonantoj. Se mi ricevos la necesan nombron de ĉi tiuj provizoraj aliĝoj, mi povos montri al la eldonisto la garantion de la entrepreno. La prezo de unu numero, se ni fiksus ĝin por 4 Hungaraj kronoj, kostus por la eksterlandaj kolegoj tre malmulte, ekzemple por Svisaj 10 centimoj, por Francaj 25 centimoj, por Amerikaj 2 centojn k. t. p.

Mi petas do ĉiujn kolegojn, kiel eble plej baldaŭ sendi al mi ĉi tiujn kartojn.

Mi petas plue ĉiujn Esperantajn gazetojn, bonvolu represi ĉi tiun leteron.

*D-ro Karlo Mezei*,
VI., Teréz-körut 4, *Budapest* (Hungario)

## Insista peto

Hungara sam-ano, ankoraŭ militkaptita en Siberio, petas insiste bonvolajn samideanojn pri mona subteno por reveni hejmen. Li estas preta repagi la koston: ĉirkaŭ 150 dolarojn.

Adreso: S-ro D-ro *Frederiko Salomon*, Militkaptito, Nikolsk Ussurisky (Siberio, Primorskoje obl.).

# Svisa Esperanta Societo

*(Oficialaj informoj)*

*La ĝenerala kunveno de S. E. S. anoncita en nia organo „Svisa Espero" havis lokon en Berno, la 12 septembro.*

*La antaŭtagon, sabaton posttagmeze, okazis ekzamenkunsido en la oficejo de UEA. Funkciis kiel ekzamenantoj S-roj Humberset, G. Strœle, Wenger, membroj de l'Ekzamena Komitato kaj S-ro Stettler, jam diplomita. Kvar kandidatoj akiris la „Superan Diplomon"; ili estas: S-ro William Perrenoud (Cernier), S-ro Fritz Hirzel (Zürich), S-ino A. Mexin (Genève) kaj F-ino E. Crisinel (La Chaux-de-Fonds). — La „Ateston pri Lernado" akiris S-ro Alfred Egg (Baden).*

*Dimanĉon, je la 10 ½ h. malfermiĝis la ĝenerala kunsido sub prezido de S-ro Jean Wenger (Neuchâtel) en Hotelo „National". La plimulto de la 32 ĉeestantoj estas rajtigitaj delegitoj de la grupoj. Ankaŭ ĉeestas eminenta gasto, S-ro E. Archdeacon, vicprezidanto de la Parizo grupo. La raportoj de l' Centra Komitato, de la kasisto kaj de l' kaskontrolantoj estas aplaŭde aprobataj. — Per letero, S-ro A. Thonney (Lausanne) eksiĝas, je la fino de 1920, kiel redaktoro kaj eldonanto de „Svisa Espero". Post longa diskuto kaj varma danko al S-ro Thonney pro lia laboro kaj sindono, oni decidas: ne aperigi nian organon S. E. dum 1921, kaj akcepti la malavaran proponon de UEA enpresi la oficialajn informojn de S. E. S. en „Esperanto".*

*La propono de la Lausanna grupo pri forigo de l'centra kotizo estas malakceptata. — Unuanime la kunveno voĉdonas deziresprimon, laŭ kiu la „Ligo de la Nacioj" kaj la „Internacia Oficejo de la Laboro" alprenu oficiale nian internacian lingvon.*

*S-ro Wenger estas reelektata kiel prezidanto de S. E. S. kaj la Neuchâtela grupo kiel ĉefgrupo (Centra Komitato) dum 1921. La grupo de Le Locle kontrolos la kason. La Centra Komitato elektos mem la lokon por la ĝenerala kunveno en 1921. La kotizoj restos la samaj kiel en 1920.*

*Dum la tagmanĝo, tre gaja kaj bona, oni ĝuis agrablajn paroladojn de S-roj Archdeacon, Wenger kaj Schmid. Poste okazis promenado en la tiel ĉarmaj ĉirkaŭaĵoj de Berno.*

*Resume: belaj horoj, kiuj nedubeble signas feliĉan revekiĝon de l' Esperanta movado en nia lando.*

*La Centra Komitato.*

## Brita Literatura kaj debata Societo

*Literaturaj konkursoj 1921*

*Premioj:* Por ĉiu konkurso: 1a premio 30 ŝ., 2a premio 20 ŝ. 1e Traduko de Angla Literaturaĵo. De 2000 ĝis 3000 vortoj. 2e Originala Novelo. De 1000 ĝis 2000 vortoj.

*Kondiĉoj:*

1e Konkursantoj, se membroj de la Societo, devas pagi 1 ŝ. por ĉiu manuskripto, se ne-membroj, 2 ŝ. por ĉiu manuskripto ensendata.

2e Konkursantoj devas alpreni pseŭdonimon, kiu aperos sur la manuskripto. Ili devas skribi la nomon kaj adreson — kune kun la pseŭdonimo — sur apartan folion, kaj enmeti ĝin en koverton, sigelante ĝin kaj skribante la pseŭdonimon ekstere. Tiun koverton ili devas sendi kun la manuskripto.

3e Ĉiuj manuskriptoj ensendotaj fariĝos la propraĵo de la B. L. kaj D. S. La Komitato de B. L. kaj D. S. rezervas al si ĉiujn rajtojn pri publikigo de manuskriptoj ensenditaj.

4e La Komitato de B. L. kaj D. S. rezervas al si la rajton, aŭ ne doni, aŭ dividi, iun ajn premion. Se manuskriptoj de sufiĉa merito estos ricevitaj, medalo aŭ medaloj estos ankaŭ aljuĝitaj.

5e Manuskriptoj devas atingi la sekretarion de B. L. kaj D. S., 254, Wightman Road, London N. 8., Anglujo, antaŭ 28 februaro 1921.

# XIII-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO 1921 EN PRAHA (Ĉeĥoslovakio)

*Unua Komuniko*

La 29 septembro 1920 ĉe komitata kunveno de la „*Ĉeĥoslovaka Esperanta Asocio*", „*Esperantista klubo*" kaj „*Rondeto de Esperantistinoj*" oni elektis jenan **Organizan Komitaton** por la kongreso: *Prezidanto:* S-ro Josef Eiselt, eksdirektoro de gimnazio; 1ª *Vicprezidanto:* S-ro Vojtech Kraus, magistrata oficejestro; 2ª *Vicprezidanto:* F-ino Julie Šupichová, instruistino; *Ĝen. Sekretario:* S-ro Aug. Pitlik, komisario ĉe ministerio por komerco; *Sekretariino:* F-ino Sidonie Dlouhá, fervoja oficistino; *Kasisto:* S-ro Novák, horloĝisto; *Komitatano:* S-ro D-ro A. Bischitzky.

**Sekciestroj.** *Financa:* S-ro Rudolf Hromada, oficisto; *Propaganda:* S-ro Bouška, urba oficisto; *Presa:* S-ro Weiner, redaktoro; *Loĝa:* F-ino Moudra, instruistino; *Distraja:* F-ino Hlaváĉová, instruistino; *Aranĝa:* S-ro Lukáš, studento.

*Revizoroj:* S-ro D-ro Kohout, landa ĉefkonsilanto, kaj S-ro Vondruška, landa revidento.

*Adreso:* S-ro Augustin Pitlik, Nerudova 40, Praha III. (Por respondo aldoni stampitan respondkuponon aŭ naciajn poŝtmarkojn).

Por la Organiza komitato:
*Augustin Pitlik.*

---

# Esperantista Literatura Asocio

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

*Oktobra raporto*

Post longjara interrompo venis letero el Petrogrado kun tre bona sciigo. Estas novaĵo por ni, ke dum 1919 oni organizis rusan sekcion de E. L. A., definitive formitan en la nuna jaro. Prezidanto de la sekcio estas S-ro Poljakov, (Saratovo, ul. Respubliki 40); sekretario S-ro Nekrasov, (Moskvo, 1 Tverskaja-Jamskaja 35,5). Kvin aliaj sinjoroj havas la taskon ekzameni samideanojn, kiuj deziras aliĝi al la sekcio. Kotizo estas 10 rubl. jare.

La sekcio estas tute memstara, ĝis nun ĝi ne havis kaj ja ankaŭ ne povis havi iun ajn rilaton kun la malnova, internacia E. L. A. Responda letero, sendita de la administrejo-Dresden al Petrogrado, revenis, la vojo ne estas libera. La labormaniero de la rusa sekcio ŝajnas imitinda kaj taŭga, ni do volonte ĝin publikigas en nia raporto.

La sekcio havas 5 laborfakojn; 1ª Bibliografio de la rusa literaturo en Esperanto (gvidas S-ro V. Poljakov); 2ª tradukado de L. Tolstoj-verkaro (gvidas S-roj J. Širjaev kaj N. Nekrasov); 3ª tradukado de A. Puŝkin-verkaro (gvidas S-ro Poljakov); 4ª tradukado de komunista literaturo kaj revolucia poezio (gvidas S-roj Hajdovski kaj Rozenblat); 5ª bibliografio de L. Zamenhofa verkaro; 6ª bibliografio de originalaj verkoj en Esperanto (iniciatis kaj gvidas S-ro Timoteo Ŝĉavinski).

Ĉiuj fakoj estas tre interesaj, precipe grava estas la 6ª fako: pri belestrikaj originaloj. Ŝajnas, ke nia literaturo ĉiam pli kaj pli evoluiĝas originalan verkadon, sin anoncas kvazaŭ nova epoko post longdaŭra, diligenta tradukado. S-ro Ŝĉavinski volonte interrilatus kun samideanoj laborantaj en la sama fako, ili bonvolu sendi sciigon pri tio al la administrejo de E. L. A. en Dresden, ĉar alia vojo ne estas irebla.

Al S-ro J. Širjaev (fako 2ª, verkaro de Tolstoj) ni sciigas, ke S-ro Maĉernis (Kaunas, Litovujo, Ukmergespl. 45) tradukis multajn politikajn verkojn de Tolstoj.

En Ruslando same kiel en Germanlando estas tre malfacile nun presigi librojn, aliaj landoj kun pli bona valuto bonvolu helpi.

S-ro Meir Gelbard intencas traduki „Germania" de Cornelius Tacitus.

S-ro Norbert Barthelmess lerte tradukis la „Prologon" kaj parton de l' unua monologo el Faust I.

S-ino Aleksandra Mexin ricevis de la konata franca verkisto Henri Barbusse specialan permeson, traduki liajn verkojn en Esperanton. La verkoj de tiu ĉi aŭtoro, instigantaj al internacia frateco kaj homamo, bone respondas al la ideo de Esperanto. Ĉar tiu ĉi ideo ankaŭ vivas en la libro „For la batalilojn!" (Berta von Suttner), ni denove varme rekomendas ĝian legadon.

Aliĝis: S-ro Norbert Barthelmess, Düsseldorf a. Rh., Immermannstr. 26.

S-ino Camilla Fürth, Dresden, Carlowitzstr. 28, iama kolegino denove aliĝis.

*Marie Hankel,* Nicolaistr. 18 Dresden-A.

---

## Centra Dana Esperantista Ligo

*Oficialaj informoj*

*La jara ĝeneralkunveno* okazis en Kopenhago la 19 julio 1920. *Ĉeestis de la reprezentantaro* la prezidanto S-ro Blicher, kaj F-inoj Asmussen, Jörgensen, Rybo kaj S-ro Taumose.

Kiel delegito de „Konversacia Klubo de Aarhus" ĉeestis F-ino Noll; „Societo de Danaj Esperantistoj" estis reprezentata de S-ro Valzenbek (3 voĉoj), kaj „Konversacia Esperantista Klubo" de S-ino Blicher, F-ino Koppel kaj S-ro Krejl.

Unue la prezidanto detale priparolis *la jaran laboron de C. D. E. L.*, pri kiu la kluboj jam antaŭe estas ricevintaj mallongajn raportojn.

Poste F-ino Rybo, pro forvojaĝo de la kasisto, prezentis *la kalkulraporton de „Centra"* kaj *tiun de la agitadfondaĵo*. La cirkulero al la samideanoj rilate al monsubvencio donis sufiĉe bonan rezultaton, sed ĉar la fondaĵo nun eldonas novan propagandilon, estas petate, ke ĉiu samideano laŭ povo subtenu la fondaĵon; pro tio oni petas, ke ĉiu kiu ankoraŭ ne ensendis subvencion, faru tion kiel eble plej baldaŭ. — Jam estas sendita al la diversaj klubestraroj raporto pri la ĝeneralkunveno; kaj ĉe la estraroj ĉiuj interesitoj tial povos ekscii la ciferojn de la kalkulraportoj.

Cetere *la klubo „Unueco", Odense,* petis, ke la ĝeneralkunveno kaj la jarkunveno 1921 okazu en loko oportuna por la plej multaj samideanoj, se ne okazu universala kongreso en Kopenhago 1921. Okaze de tiu peto *oni decidis, ke la venonta ĝeneralkunveno okazos dum la jarkunveno de C. D. E. L. en Svendborg je la unua duono de julio 1921.*

La sama klubo ankaŭ proponis, ke C. D. E. L. denove esploru la eblecon eldoni sian propran gazeton kaj eble presigu ĝin en lando kun malalta monvaloro. — „Centra jam antaŭ ricevo de tiu-ĉi propono, esploris la eblecon rilate al presigi gazeton eksterlande, sed ne trovis tion oportune, unue ĉar la prezo — malgraŭ malalta monvaloro — tamen fariĝos alta pro aldonitaj procentoj, kaj due la poŝtelspezoj ankaŭ estas altaj, tiel, ke gazeto presita eksterlande fariĝos tiel multekosta kiel se ĝi estus presita en nia propra lando. Tamen C. D. E. L. decidis denove esplori la eblecon rilate al eldoni danan Esp. gazeton, ĉar de diversaj flankoj oni estis ricevintaj admonon tiurilate.

La reprezentantoj, kies funkciperiodo ĉesis, estis reelektataj; *la reprezentantaro tial konsistas el:* S-ro Blicher, prezidanto; S-ro Hinrichsen, vicprezidanto; F-ino Asmussen, sekretariino por enlandaj aferoj; F-ino Rybo, sekretariino por eksterlandaj aferoj; S-ro Israelsen, kasisto, Amtstuen, Svendborg; cetere F-ino Jörgensen kaj la S-roj Christensen (Odense), Heilskov, Mejndor (Aarhus), Wulff kaj Taumose.

*Astrid Rybo,* sekretariino.

---

# Esperantista Vivo

**Naskiĝoj.** — Al Ges-roj *Ahonen*, Del. en Seinäjoki, Finnlando, naskiĝis filo, nomita Tapio Valdemar.

Al Ges-roj *W. J. van der Haak*, en Rotterdam, naskiĝis filino nomita Maria Arnolda.

Al Ges-roj *Marin Hristov*, en Breznik (Bulgario) naskiĝis filino.

**Fianĉiĝo.** — S-ro *Fritz Pillath*, V.D., kun F-ino *Paula Lindemann*, membro de UEA en Essen.

**Edziĝoj.** — S-ino *Marthe Henriet Nolotte*, Del. en Dijon, kun S-ro *Louis Petit*, Membro el Dijon.

S-ro *A. Valoušek*, Del. en Brno, kun F-ino *Marie Hoferkova*.

S-ro *Ramon Figuerola*, el Barcelona, kun F-ino *Asuncion Diago Almuzara*.

S-ro *Louis Eschembrenner*, el Fresnes-Nord, kun F-ino *Yvonne Bohren*, el Paris.

**Honorigo.** — S-ro D-ro *Friedrich Francke*, membro de UEA, Prez. de la Propaganda Komitato en München, estante jam doktoro de juro, estis nomita Doktoro de nacia ekonomio. Koran saluton al la „duobla doktoro". — *H. T.*

# Niaj Mortintoj

Kun bedaŭro ni ricevis la informon pri la morto de la jenaj samideanoj:

**Samuelo Prokupek,** direktoro de orfejo kaj papa ĉambelano en Sibin (Hermannstadt), Transsilvanio. Li estis tre fervora adepto de nia lingvo, fondinto de la tiea Esp.-Grupo. Li mortis dum januaro 1920; pro poŝtaj malfacilaĵoj la sciigo nin atingis nur antaŭ kelkaj tagoj.

**Sigurd Hole,** Membro de UEA el Hamar (Norvegio). Suferis dum multaj jaroj je pulmomalsano; ĝis fino de lia vivo li laboris por Esperanto. La edzino petis saluti liajn korespondantojn.

**Joh. Lüneman,** mortis en Semarang, Nederl. Indio, 33 jara, pro malaria febro. Li multe laboris por Esp. en Nederlando de 1907 ĝis 1911, unue en laboristaj, poste en katolikaj rondoj. Li estis unu el la iniciatintoj de la S-to de Katolikaj Esp-oj en Nederlando.

*H. F. P.*

**Jean Francina,** mortis 73-jara en Nyon. Malnova kaj fidela samideano kaj membro de UEA, unu el la fondintoj de la Svisa movado antaŭ dekok jaroj.

Oni informis nin pri la morto de S-ro **I. M. Saggiori,** patro de nia Delegito Giovanni Saggiori en Padova. Ni prezentas niajn kondolencojn al la funebranta familio.

*Estas malfeliĉo, ke ideriĉaj homoj nepre volas efektivigi sian idealon, enkonduki ĝin en la vivon. Tio ne sukcesas. La idealo kaj la aĉa realeco devas esti severe apartigataj.*
Goethe.

* * *

*Konstantaj armeoj poste devos plene ĉesi.* Kant.

* * *

*Ne estas permesate rigardi kiel veran packontrakton tian, kia estis ligata kun la sekreta penso de ia venonta milito.* Kant.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

*TARIFO:* Unu enskribo (la adreso kaj ne pli ol 5 vortoj): Fr. 0.75. — Por ĉiu plua linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. — Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj.

Unu enpreso en nacia mono: *Aŭstrio* 4.50 Kr.; *Belgio* 0.90 Fr.; *Britio* 7½ d.; *Bulgario* 2.25 Lev.; *Ĉeĥoslovakio* 1.80 Kr.; *Finnlando* 1.50 F. M.; *Francio* 0.90 Fr.; *Germanio* 1.80 Mk.; *Hispanio* 0.75 P.; *Hungario* 4.50 Kr.; *Italio* 1.05 L.; *Jugoslavio* 3 Kr.; *Nederlando* 40 Cent; *Polio* 1.80 M.; *Skandinavio* 50 Öre; *Svisio* 0.75 Fr.; *Usono* 15 Cendoj. — Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla oni sendu tiajn. (Unu enskribo = 3 respondkuponoj.)

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.* k. ĉ. l. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.*

### Aŭstrio

**Wien.** — S-ro Vaclav Stary, XV. Turnergasse 25/15, L, PI, PM, **k. ĉ. l. (salutas siajn** malnovajn korespondantojn kaj denove koresp. kun ili pri ĉiuj nuntempaĵoj).
**Wien.** — S-ro Frederiko Molnár, inĝeniero, IX/4 Währingergürtel 162, PI, PM, L (pri elektrotekniko kaj elektromedicino, pri socialaj temoj).
**Wien.** — Bohema Esperantista Klubo, XV. Turnerg. 15, Národní dum, L, PK, PI.

### Britio

**Glasgow.** — S-ro Alexander Struthers, 14, Church Str., PI (koloritaj).
**Portsmouth.** — S-ro G. E. Fowles, 10, Crown Str., PI, L.
**Portsmouth.** — S-ro D. Portsmouth, 119, Arundel Str., PI, L.
**Portsmouth.** — F-ino S. Levin, 276, Commercial Rd., PI, L.
**Wealdstone** (Middx.). — S-ro S. Hodges, fervojoficisto, 96, Herga Rd., PI, k. ĉ. l.

### Bulgario

**Pleven.** — S-ro B. Panĉev, dom Evstatiev, PI, PM, bfl, k. ĉ. l.
**Sofia.** — S-ro Gani Ganĉev, Bulv. Ferdinand 39 (Marie Luise 46), PI, k. ĉ. l.

### Ĉeĥoslovakio

**Aussig.** — S-ro Emil Hocke, Resselstr. 1717, L, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Bodenbach.** — S-ro Karl Lusticky, komercisto, Bräuhaus, L, PI, PK, PM, bfl.
**Bodenbach.** — S-ro Oskar Wünsch, Lerchenfeldg. 339, PI, k. ĉ. l.
**Bodenbach.** — S-ro Bruno Sündermann, Schmelze 203, L, PI, k. ĉ. l.
**Brno.** — S-ro Milous Nemec, oficisto de Mor. slez. banka, Jakubské nám. 7, PK, PI, PM, L.
**Brno.** — S-ro F. Medek, Česká ul. 6, PI, bfl, L, PM, PK, diversaj gazetoj.
**Hradec-Kralóvé.** — S-ino B. Sklenčkovà, edzino de Del. de UEA, PI (pri bildoj infanaj).
**Hradec-Kralóvé.** — S-ro O. Sklenčka, Del. de UEA, PI, L (kun ekstereŭropanoj).
**Jaromer n. L.** — S-ro Stefano Nachbaur, 284, PI, bfl.
**Jicin.** — S-ro Borivoj Benetka, Tyrsova 243, L, PK, PI.
**Král. Pole u Brna.** — S-ro Jaroslav Paulu, bankoficisto, Srbskà tr. 3, PI, fotogr. gaz. ilustr. (precipe kun romanaj landoj).
**Krochwitz 85 b. Bodenbach.** — S-ro Rudolf Storch, studento, L (pri socialismo) PI.
**Lučenec** (Slovensko). — S-ro Al. Varady, komercisto, PM.
**Lučenec.** — S-ro Radó Béla, PM, PI, bfl, k. ĉ. l. (Unua sendo kondiĉo, tuj respondos.)
**Mähr. Schönberg.** — F-ino Hede Weiss, Lindengasse 8, PI, k. ĉ. l.
**Mähr. Schönberg.** — F-ino Berta Ardelt, Wallgasse 3, PI, L, k. ĉ. l.
**Mähr. Schönberg.** — F-ino Emmi König, Neugasse, PI, L, k. ĉ. l.
**Mähr. Schönberg.** — F-ino Hildegard Petsch, Hermanngasse 17, PI, k. ĉ. l.
**Mähr. Schönberg.** — F-ino Hilde Lenhardt, Jahnstr. 15, PI, k. ĉ. l.
**Mähr. Schönberg.** — S-ro Max Bittl, impostoficisto, D-ro Hagergasse, PI, L, k. ĉ. l.
**Mähr. Schönberg.** — S-ro Viktor Tinz, Neuthorgasse 14, PI, k. ĉ. l.
**Mähr. Schönberg.** — S-ro Josef Gabriel, Körnerstr. 2, PI, L, k. ĉ. l.
**Mähr. Schönberg.** — S-ro Hans Fröhlich, Waisenhausgasse, PI, L, k. ĉ. l.
**Mähr. Schönberg.** — S-ro Erich Machalek, Neugasse 43, PI, L, k. ĉ. l.
**Praha-Nusle.** — S-ro Frant. Cerny, Svatoplukova 387, PI, PM, k. ĉ. l.
**Praha-Vinohrady.** — F-ino Fredi Smrhová, instruistino, Fričova 1621, L, PK (franclingve kun inteligentulinoj).
**Prešov.** — F-ino Ludmilla Silbermann, Levočska ul. 31, PI, L.
**Reichenberg.** — F-ino Paula Hagenstein, Eisengasse 14, L, PI, k. ĉ. l.
**Reichenberg.** — F-ino Elfriede Hasda, Bismarckstr. 13/II, L, PI, k. ĉ. l.
**Reichenberg.** — S-ro Herbert Appelt, Wallensteinstr. 49, L, PI, k. ĉ. l.
**Ruzomberok.** — S-ro Alexander Krizka, PI, bfl.
**Tetschen.** — S-ro Anton Krikawa, pentristo, Kirchgasse 333, PI, bfl.
**Tetschen-Liebwerd.** — S-ro Fritz Heuer, ĥemia helpanto, PM.
**Tetschen-Liebwerd 78.** — S-ro Franz Bruche, librotenisto, L, PI, PM, bfl.
**Tetschen a. d. Elbe.** — S-ro Josef Krikawa, Kirchg. 333, PI, bfl (kun ekstereŭropanoj, tuj respondos).
**Uzhorod.** — S-ro Aleksandro Spire, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Vranov.** — S-ro Zoltano Sugár, Zemplinska zupa, PI, L, k. ĉ. l.
**Vranov.** — S-ro Zoltano Kraemer, Zemplinska zupa, PM, PI, k. ĉ. l.
**Zumberk 85 apud Chrudim.** — S-ro Jaro Zajiček, PI, PK, L.

### Danzig (Liberŝtato)

**Danzig.** — F-ino Marg. Werschkull, Kaninchenberg 14, L, PI, PM.
**Danzig.** — S-ro Ernst Grabowski, Sandgrube 52 e, PM.

## Finnlando

**Heinola.** — S-ro Axel W. Backman, L, PK, PM, Gaz., k. ĉ. l.
**Helsinki.** — F-ino Anna Yrjänäinen, Siltavuorenkatu 6, PI, L.
**Helsinki.** — S-ro Joel Viikki salutas siajn geamikojn kaj informas, ke li estas devigata ĉesi ĉiun korespondadon pro studado en universitato.
**Helsinki.** — F-ino Aino Soikkeli, studentino, Konstantininkatu 13, L, PI, PK, k. ĉ. l.
**Helsinki.** — S-ro A. Puliinen, Johanneksentie 8, PM, L.
**Helsinki.** — F-ino Martha Suuronen, Eläintarha 6, Sairaskoli, L, PI, k. ĉ. l.
**Helsinki.** — Fratoj Sulo (21 j.) kaj Jalo (18 j.) Lehmussaari, Tehtaank. 18 A 14, PM, PI, bfl.
**Jousa.** — S-ro Väinö Suuronen, Kalä Sapolniemi, PI, k. ĉ. l.
**Kouvola.** — F-ino Maija Wirtanen, L, PI, k. ĉ. l.
**Kouvola.** — F-ino Ines Wirtanen, L, PI, k. ĉ. l.
**Kuusankoski U. l.** — F-ino Inga Lindblom, PI.
**Kuusankoski U. l.** — F-ino Ines Hymander, PI.
**Kuusankoski.** — F-ino Ellen Kari, ĝardenistino, PI.
**Kuusankoski U. l.** — F-ino Naima Urpanen, ĝardenistino, PI.
**Kuusankoski U. l.** — F-ino Maija Nikula, instruistino, PI.
**Kuusankoski U. l.** — S-ro Hannes Vilenius, PI.
**Kymintehdas.** — F-ino Helmi Kaukonen, PI.
**Kymintehdas.** — F-ino Dagny Nilsson, PI.
**Kymintehdas.** — F-ino Rauha Lindros, PI.
**Kymintehdas.** — F-ino Svea Nilsson, PI.
**Kymintehdas.** — F-ino Dea Helenius, PI.
**Kymintehdas.** — F-ino Taimi Pajari, PI.
**Kymintehdas.** — F-ino Impi Haapasalo, PI.
**Kymintehdas.** — F-ino Edith Hietala, PI.
**Makslahti.** — S-ro L. J. Rikström, fotografisto, PI, L, portretoj (ĉiam tuj respondos).
**Mikkeli.** — F-ino Elli Püspanen, Mikkelin Sanomat, PI, PM. bfl.
**Pori.** — S-ro Tauno Nuotio, Yrjönkatu 15, L, PI, PM (precipe kun sud- kaj ekstereŭropanoj).
**Raumo.** — S-ro O. Stenros, Papinkatu 9, L, k. ĉ. l. (ŝakludas).
**Voikka bruk.** — F-ino Salmi Dahlberg, PI (kun eksterlandaj inteligentuloj).
**Voikka bruk.** — F-ino Ines Granbohm, PI (kun eksterlandaj inteligentuloj).
**Voikka.** — F-ino Hilda Tiirikainen, PI.
**Voikka.** — F-ino Aili Hurmalainen, PI.
**Voikka.** — F-ino Lempi Hurmalainen, PI.
**Voikka.** — F-ino Signe Matula, PI.
**Voikka.** — S-ro Martti Wiliberg, PI.

## Francio

**La Varenne St-Hilaire** (Seine). — S-ro Louis Prévot, 70, Bd. de Champigny, PM (francajn kaj koloniajn), k. ĉ. l. (ne sendas unue).
**Lille.** — S-ro F. Leperсq, 5, Rue Paul Bert (Fives), PM, k. ĉ. l. (Povas havigi ĉiujn francajn ruĝkrucajn PM kaj la katalogon Yvert et Tellier 1921. Ne sendas unue sed tuj kaj certe respondas.)
**Paris XX.** — S-ro Léon Neau, 13, Ave. du Père Lachaise, L, PK (k. sindikalistoj ĉ. l).
**Paris.** — S-ro François Pichard, fils, 1, Rue du Marché Popincourt XI, kolor. PI, bfl.
**Paris.** — S-ro Paul Brocheriou, 6, Ave. du Maine, PI, bfl.
**Paris.** — S-ro Georges Reydellet, 131, Bd. Voltaire, PI, bfl.

## Germanio

**Dresden.** — S-ro Georg Schönberg, Schweizerstr. 12, PM, k. ĉ. l.
**Dresden-A 5.** — S-ro Max Otto Wiessner, Gambrinusstr. 15/I, PI (rimarkindaj arĥitekturaĵoj), PM, k. ĉ. l.
**Essen-Ruhr.** — S-ro Otto Sandrock, Kahrstr. 47, deziras korespondantojn por siaj gekursanoj, PI, k. ĉ. l.
**Frankfurt a. M.** — D-ro med. H. Perl, kuracisto, Neue Mainzerstr. 68, L, PK (pri muziko kaj medicino).
**Görlitz.** — S-ro Alfred Scholz, Breitestr. 3, nur L (kun lertaj Esp-istoj pri politiko, filozofio kaj socia vivo).
**Halle a. S.** — S-ro P. Gedai, Böllbergerweg 13, L, PI, k. ĉ. l.
**Hamburg 11.** — S-ro Alberto Hoffmeister ĉe P. Marschall, Grosse Bäckerstr. 24, L, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Krefeld.** — S-ro Max Rother, Königstr. 129, L, PI, PM (kun eksterld.).
**Lauingen a. D.** (Bavario). — S-ro K. Riess, 174, PM (eŭropaj novaĵoj).
**Leipzig-Kl.** — S-ro E. Lämmerhirt, Hirzelstr. 27, PI, L (pri la socialista gejunularmovado).
**Menzelen-West** (Rheinland). — S-ro Hermann Wolfertz, instruisto, PI, PM, gaz.
**Rüstringen apud Wilhelmshaven.** — S-ro J. Laib, Holtermannstr. 15, PI, bfl, L (pri Esperantista kaj socialista movado).
**Werdau** (Sachsen). — S-ro Albrecht Naumann, instruisto, Königspl. 2, PI, bfl, PM, L (pri instruado).

## Hispanio

**Baracaldo.** — S-ro José Salazar, 22, Pormecheta, L, PI, PK (kun lertaj sam-anoj ĉ. l.).

## Hungario

**Budapest.** — S-ro Stefano Géri, IX., Tüzoltó u. 33/a. I. 21, PK, L, k. ĉ. l.
**Budapest.** — S-ro Kertesz Sandor, Rottembiller u. 5 A. I. 7, PM, PI, bfl.
**Budapest.** — S-ro Fenyes Zoltán, VII. Dob u. 5 II, PM (ne sendas unue).
**Budapest.** — F-ino Teréz Kereszteny, VIII, Erdélyi utca 19. IV. 6, L, PI, bfl, PM.
**Budapest.** — S-ro E. Löwbeer, V., Hold utca 9, PI, PM, k. ĉ. l.
**Budapest.** — S-ro Ferenc Bányai, VI, Andrássy út 48, PI, PM (ekskluzive kun gejunuloj.
**Budapest.** — S-ro Kolomano Wiesinger, VII, Wesselényi u. 30, PI, PM (nur kun gejunuloj.
**Budapest.** — S-ro Roberto L. Hajós, VI, Podmaniczky utca 29, PI, L (fotografaĵoj), k. ĉ. l (precipe kun fraŭlinoj, Esp., franc. germane).
**Budapest.** — S-ro Béla Drechsler, X, Kerepesi út 108, PI.

## Italio

**Pisa.** — S-ro Paoletti Benato, 14, Via Sta. Rosa, PM, PK, PI.
**Pisa.** — S-ro Salvestroni Carlo, 1, Piazza Federico del Rosso, PM, PI, k. ĉ. l.
**Pisa.** — S-ro Donati Francesco, Via Nino Bisclo, PI, PM.
**Pisa.** — S-ro Samek Sergio, 12, Via S. Agostino, PM, PI, k. ĉ. l.
**Pisa.** — S-ro Barsante Alberto, 2, Piazza del Duomo, PM, PI, k. ĉ. l.
**Pisa-Piombino.** — S-ro Simonetti Eros, 30, Via E. Zola, PM, PI, k. ĉ. l.
**Pisa.** — S-ro Sergio Samek, 12, Via San Agostino, PM, PI (ĉiam tuj respondos).
**Rivarolo Lig.** (Genova). — S-ro Benassi Mario, 11-5, Via Fieschi (kun ĉiulandaj socialistaj samideanoj).
**Trento.** — S-ro Giovanni Marchetti, Via S. Maria Maddalena 19/II, p. (interŝanĝi ĵurnalojn ĉiaspecajn, Esp., franc., germ., ital., stenografiajn).

## Letonio

**Rezekne.** — S-ro S. Grigoriev, Daŭgarpils ŝosseja 22, L, PI (ŝakludo per PI, prenu la blankajn.
**Riga.** — S-ino E. Strazde kaj S-ro K. Strazde, Suvorova eela 32 dz. 14, PI, bfl, k. ĉ. l.

## Nederlando

**Amsterdam.** — S-ro N. Stierman, Jac. v. Lennepkade 390 II, L, PK, PI, k. ĉ. l.
**Deventer.** — S-ro N. Prins, Polstraat 14, PI, k. ĉ. l.
**Deventer.** — S-ro B. C. Maalste, Lange Zandstraat 45, PI, k. ĉ. l.
**'s-Gravenhage.** — S-ro M. A. Gerritse, v. Kinsbergenstraat 39, PM.
**'s-Gravenhage.** — S-ro E. R. Postma, Kritzingerstraat 43, PI, bfl, PM.
**Zwolle.** — S-ro J. Kromme, fervojoficisto, Molenweg 168, PM, k. ĉ. l., PI (prefere stacidomoj, monumentoj, k. t. p. sed ne fantaziaj).

## Norvegio

**Biaker.** — S-ro Finn Dehli, L, PI, PM, bfl, k. ĉ. l.

## Polio

**Rzeszów.** — S-ro Eugenius Szablovski, Tovarnickistr., L, PI, PK, k. ĉ. l.
**Rzeszów.** — S-ro K. Skoczek, Grunwaldzkastr. 28/I, PI, bfl, PM, k. ĉ. l.
**Rzeszów.** — S-ro Waclaw Kielbinski, PK, PI, L, k. ĉ. l.
**Rzeszów.** — S-ro Henryk Leser, 12, Ogrodowa (kun seriozaj idealistaj gesamideanoj, precipe pri la esenco de la vivo).
**Rzeszów.** — S-ro Roman Dabrowsky, str. 3 Maja nr 12, PI, bfl, PK. (Interŝanĝas monerojn, urbvidaĵojn kaj PM plenserie, Esperantajn kaj idistajn gazetojn, ĉiulingvajn broŝurojn kaj lernolibrojn pri Esp. Leteroj pri Esp., romanaj lingvoj, pri Ido, ĉiam respondos. Petas legeble skribi [li bonvolu tion komenci! Red.]!)
**Warszawa.** — S-ro A. Hajkis, studento de fizikaj kaj matematikaj sciencoj, str. Koszykowa 11-11, L, PK, PI, bfl, PM (estas preferataj militaj, renversaj kaj similaj), k. ĉ. l. (dez. ricev. diverslingvajn gazetojn, revuojn, librojn, koncernantajn socian movadon, interŝanĝe de polaj PM).

## Saarteritorio

**Friedrichsthal.** — S-ro Heinrich Bernhard, Kaiserstr. 63 a, L, PK, PI (precipe stacidomoj kaj preĝejoj).

## Svisio

**Genève.** — S-ro Joseph Halter, 55, Bd. Carl Vogt, sciigas siajn korespondantojn, ke pro familiaj malhelpaĵoj li provizore devas haltigi la korespondadon.

## Ameriko

**Bahia Blanca** (Argentino). — S-ro Antonio Lattanzio, 245, str. Darragueira, PI, L, k. ĉ. l.
**Bahia Blanca** (Argentino). — S-ro Isidro Fernández, 67, str. Pte. Roca, PI, L, k. ĉ. l.
**Montreal** (Canada). — S-ro T. A. Allan, 91, Prud'homme Ave., N. D. G., L, PK (kun fervojistoj kaj kun Azianoj, interŝanĝas fotojn).
**Rio de Janeiro** (Brazilo). — S-ro Aristoteles Palmeira, poŝtisto, L, PK, bfl, k. ĉ. l. (salutas siajn antaŭmilitajn gekorespondantojn kaj petas daŭrigon).
**Rio de Janeiro** (Brazilio). — S-ro A. Krawczuk, 20, Trav. S. Fco de Paula, L, PK, PM, bfl, k. ĉ. l.
**Talleres F. C. S. Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro Domingo Mondini, 6164, Centenario, PI, bfl, PM.

## Azio

**Allahabad.** — S-ro K. Samuel, c/o Postmaster, pro malriĉeco ne povas daŭrigi korespondadon aŭ interŝanĝon.
**Shanghai.** — Junula Esperanta Asocio de Shanghai, 35, Broadway East, deziras ricevi diversajn Esperantaĵojn, propagandilojn, gazetojn. Interŝanĝe sendos PM, PI.
**Shanghai.** — K-do V. Stopani, juna studento, 35, Broadway East (pri socialismo, religio, teosofio, nihilismo, moralo) sendos PI kaj PM kontraŭ Esp. gazetoj.
**Vladivostok.** — S-ro Voldemaro Kosicin, poŝtoficejo, PI, PM.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

**Esperanto** — S-ro Ploussu, Del. de UEA, Pl. Achard, Grenoble (Franclo), aĉetos, eĉ kare, la N-rojn de „Esperanto" de septembro 1915 ĝis fino 1917 kaj la tri unuajn N-rojn de „Internacia Bulteno".

**Filatelistoj.** — Ni vendas: provizora Vasa-eldono (7 diversaj) por 15 resp. kuponoj. 5 kaj 10 mk. de Finnlando: 14 resp. kuponoj. S-ro V. J. Rikström, Makslahti, Finnlando.

**Filatelistoj.** — Kiu sendas al mi PM de sia lando, ricevos tuj samvalore aŭ samkvante bonajn finnajn PM. Mi havas por interŝanĝo ankaŭ Vasa, Aŭnus kaj Ingermanland kaj aliajn ne-ordinaraĵojn. K. O. Wallenius, Slottsgatan 36, Abo, Finnlando.

**Filatelistoj.** — Sendu al mi per rekomendita letero 100—500 poŝtmarkojn (ankaŭ pli multe de unu speco) de via lando kaj mi sendos tuj al vi la saman valoron de Ĉeĥoslovakio; aldonu respondkuponon! Josef Pumr, instruisto, Hradec Králóvé II, Ĉeĥoslovakio.

**Inĝeniero,** mekanikisto-konstruisto, 30 jara, 10 jara praktiko en oficejo kaj laborejo, 4 lingvoj kaj unuagradaj atestoj kaj rekomendoj, serĉas oficon kun certa estonteco en iu ajn lando. Havigos rekompenson al kiu helpos en tiu serĉo. Inĝ. Ollé, rue des Maraichers 34, Genève.

**Irlando.** — S-ro James A. Meagher petas pardonon, ke li ne tuj respondis al ĉiuj petantoj, sed ĉar li ricevis pli ol 100 leterojn, poŝtkartojn, k. t. p., li nur povas respondi iom post iom. Li promesas, ke en la venonta monato li plenumos ĉiujn petojn. Al ĉiuj gesamideanoj, kiuj tiel afable lin helpis, li per ĉi tiu anonco sendas la plej korajn dankojn.

**Juĝisto** deziras korespondi kun Hispanoj, Danoj, Svisoj, Grekoj, Norvegoj, neizraelidoj. D-ro L. Kaspar, konsilanto ĉe Provinca Juĝejo, Eibiswald, Stirio, Aŭstrio.

**Korespondadon** kun eksterlandaj samaĝuloj deziras dekduo da 14 jaraj knaboj. Ĉiulandajn kolegojn mi petas bonvole sendi adresojn al: (Knabenklasse) Klaso de knaboj I. g., Westend-Schule, Worms (Germanio).

**Librobindistoj (librolaboristoj)** en Norvegio deziras korespondi kun kolegoj pri la cirkonstancoj en la fako, en la sekvantaj landoj: Ĉeĥoslovakio, Hispanio, Portugalio, Estonio, Jugoslavio, Polio, Bulgario, Rumanio kaj Irlando. Skribu al: Harry Nilsen, Ensjövn 15, Kristiania (Norvegio).

**Malnovaj numeroj de la gazeto „Esperanto" (UEA).** — Mi serĉas numerojn 1—40 kaj mi estas ema rekompensi unuopajn numerojn per ĉio ajn. O. Sklenčka, Del. de UEA, Hradec Králóvé, Ĉeĥoslovakio.

**Maŝinoj.** — Kiu konstruas kaj instalas fabrikejojn por leterkovriloj (kovertoj) kaj skribplumoj. Proponojn oni sendu al S-ro Ivan Krepelka, urbestro (načelnik) en Vinkovci, Jugoslavio.

**Muzikajoj.** — F-ino Encarnación Catala-Talleres, F. C. S., Argentino, deziras interŝanĝi muzikaĵojn por piano. Laŭ deziro mi sendos ankaŭ PI aŭ PM.

**Ofico.** — 31 jara sinjoro kun vasta instruiteco sperta instruisto de fremdaj lingvoj, parolanta germane, itale, france, iomete angle kaj esperante serĉas okupon kunvenan. S-ro Franz Würth, Gengenbach i. K., Baden (Germanio).

**Poŝtmarkoj.** — S-ro W. C. van Beemdelust, Prinsengracht 148, Amsterdamo (Holando) petas interŝanĝi de 100—200 diversajn poŝtmarkojn ĉiulandajn por multvaloraj PM de Nederlandoj kaj Kol. kaj ankaŭ aliaj landajn. Mi respondas tuj.

**Semoj.** — Kiu povas sendi al mi, poŝte, iometon da floraj kaj legomaj semoj el ĉiuj landoj por mia ĝardeno? Klarigu kion vi deziras interŝanĝe. A. M. Oliva, Strato Lorda 2, Santa Clara (Cuba).

**Socialistoj.** — Usona studento deziras korespondi kun socialistaj kamaradoj k. c. t. Skribu en lingvoj Esperanta, angla, franca aŭ hispana. Harald Russell Coy, Arizona Hall, University of Arizona, Tucson, Arizona, U. S. A.

**The Adult School International Correspondence Bureau** (Sekr. Tom D. Copeman, 5, Claremont Rd., Norwich, Anglujo) dez. trovi por siaj britaj membroj alilandajn korespondantojn, kiuj skribas Esperante aŭ angle. Citu: 1e Nomon (S-ro, S-ino, F-ino); 2e adreson; 3e profesion; 4e memamuzilojn kaj interesojn; 5e en kiu(j) lingvo(j) vi povas *a)* legi leterojn, *b)* skribi leterojn. Viroj kun viroj; virinoj kun virinoj.

**Via karaktero kaj viaj talentoj,** ankaŭ tiuj de konatulo aŭ de amata homo, unuvorte: ĉies karaktero estas ekkonebla el sia skribo. Se vi sendos al mi 20 liniojn, skribitaj de lu, mi klarigos al vi la bonajn kaj la danĝerigajn ecojn kaj kapablecojn de la skribinto. Honorario: 10 respondkuponoj, sendotaj kun la juĝenda skribaĵo. Ĉian sendon mi science kaj plej zorgeme ekzamenas. La detalaj kaj veremaj juĝoj estos sendataj en rekomendita letero. Multaj homoj dankis por miaj konsiloj, tial ankaŭ vi devus, antaŭ ol fari malagrablajn spertojn, skribi tuj al la „Grafologa Oficejo Kauffmann", Hauptstr. 129, Heidelberg (Germanio).



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERN